# LA SALTEJO



Kongresa Kuriero de la 104-a Universala Kongreso de Esperanto

**Sabaton, la 20-an de julio 2019** **n-ro 1**

Redaktas: Jukka Pietiläinen


# Programŝanĝoj

Novaj programeroj kaj programŝanĝoj estas ĉi-tie. Bv. notu ilin en vian kongresan libron.

1. Dimanĉo 17h00-18h00, ĈEL - E-movado en Ĉinio, Ramstedt {NOVA}

2. Parolu Plu kunsido 1 en lundo 12h30-13h30, en salono Kavka {NOVA}

3. Lunde 17h00-18h00, (rezervita), Lapenna {Vinilkosmo en mardo kaj ĵaŭdo}

4. Mardo 13h30-15h30, Vinilkosmo: 29 jaroj da eldonado de E-muziko, Anttila {NOVA}

5. Ĵaŭdo 10h15-15h15, Esperantologia Konferenco, Setälä {nova fina horo}

6. Parolu Plu kunsido 2 en ĵaŭdo 11h00-12h00, en salono Anttila

7. Ĵaŭdo 14h30-15h45, Filmo: Reĝino de serpentoj, Leivo-Larsson {horŝanĝo}

8. Ĵaŭdo 15h30-16h15, Greziljono: Kulturdomo de Esperanto, Setälä {NOVA}

9. Ĵaŭdo 16h15-18h00, Akademio de Esperanto - publika, Leivo-Larsson {horŝanĝo}

10. Vendredo 10h30-12h00, Vinilkosmo diskutrondo - Onta fermo de Vinilkosmo: novaj defioj por retaliro al E-muziko, Setälä {NOVA}

En la retejo de UEA estas paĝo pri la UK kun la lastaj informoj pri la kongreso, inkluzive de la kongresa programo, la kongresaj kurieroj kaj ligiloj al la retejo, Facebook-, Instagram- kaj Twitter-paĝoj de LKK: https://uea.org/kongresoj

La programo de la kongreso estas serĉebla en la UK-retejo, ankaŭ per poŝtelefonoj: https://uea.org/m/uk/

# Ekskursoj

## E1 Helsinki ekskursoj marde kaj merkrede

Karaj kongresanoj,

Se vi mendis bileton por la tuttaga ekskurso E1 al Helsinki aŭ en mardo 23 julio aŭ en merkredo 24 julio, notu ke la ekirtempo estos la 8h00, ne pli malfrue kiel estis informita en Dua Bulteno. Ni bedaŭras la eraron, kaj deziras al vi bonan ekskurson!

Ekskursa Servo de la UK

## Notu pri ekveturo de ĉiuj ekskursoj!

Karaj kongresanoj!

La kongresaj ekskursoj ekas el la granda sabla placo malantaŭ la kongesejo Isku Areena. Bonvolu veni surloke minimume 15 minutojn antaŭ la tempo indikita en via ekskursa bileto. La ekskursoj ekveturos laŭ la indikita tempo kaj praktike ne eblas atendi malfruantojn. Bonajn ekskursojn al ĉiuj!

Ekskursa servo

## Senkablaj retoj en la kongresejo

En la kongresejo estas du senkablaj retoj: Lehdisto kun pasvorto **puumaila** kaj pelivwlan kun pasvorto **pekkopelikaani**

## Internacia kongresa universitato

La IKU-AIS programo dimanĉe estos iomete modifita:

13:30-14:00 IKU-inaŭguro kun unu-minuta prezentado de ĉiuj IKU-prelegoj

14-15 - Spacteleskopoj: de Hubble ĝis James Webb (Wandel)

15:15-16:15 - La finna en Svedio (B-A. Wickstroem prezentos la prelegon anstataŭ Ida Stria).

Ne okazos la dua prelego de Stria, lunde.

La tekstoj de la Internacia Kongresa Universitato, regule aperantaj ekde 1997 kiel la IKU-libro, jam delonge fariĝis la plej elstara regula scienca eldonaĵo en Esperanto. Kun 200 paĝoj, 18 profesie verkitaj kaj redaktitaj tekstoj de prelegoj el du sciencaj aranĝoj (SUS en BET kaj IKU en la UK) kaj preskaŭ cent ilustraĵoj, la nova IKU-AIS libro estas senprecedence riĉa kaj ampleksa. Kun resumoj tradukitaj en 4 lingvojn ĝi povas demonstri en ekstera informado la sciencan meriton de Esperanto. En Lahtio ĝi estas aĉetebla en la Libroservo, Movada Foiro kaj ĉe la IKU-prelegoj. Dumkongresa rabatita prezo: 15 eŭroj.



Amri Wandel prezentas IKU-libron

## Kontribuu al Kongresa Kuriero

La kongresa kuriero, La Saltejo, aperos ĉiutage dum la kongreso. La gazeto havas propran retpoŝtan adreson kongresakuriero2019@gmail.com Prefere sendu viajn kontribuaĵojn retpoŝte, sed eblas porti ankaŭ materialon surpapere al la informejo aŭ la redaktejo de la gazeto.

## Kiel uzi taksion en Lahti?

Taksioj ne plu (ekde julio 2018) estas kontrolataj same strikte kiel antaŭe kaj tio rezultis novajn taksikompaniojn, ĉe kiuj la prezoj povas esti tre variaj. La tradicia taksia kompanio en Lahti estas Aluetaksi kies kotizoj estas proksimume unu eŭro po vojaĝo kaj 0,81 eŭroj po minuto. Ene de urbocentro (inkluzive kongresejon) la vojaĝo kostas proksimume 10 eŭrojn.

Eblas mendi taksion per telefono 0601 100 01 (kosto de voko minimume 2,18 €). La homoj en mendejo parolas ankaŭ la anglan. Aŭ se vi havas modernan poŝtelefonon, vi povas enmeti aplikaĵon **valopilkku** (finne, svede aŭ angle) ĉe https://valopilkkutaksi.fi/

Estas centraj haltejoj por taksioj i.a. ĉe la vendoplaco kaj apud la fervoja stacidomo. Tie eblas preni taksion sen antaŭa mendo.

Aŭtobusajn horarojn eblas trovi ĉe la retejo https://lahti.digitransit.fi/ (finne, svede kaj angle).




Rabatitaj prezoj por la partoprenantoj de la Kongreso:
lunĉa bufedo je 11-15-a horo: 7,50 €
vespera bufedo je 15-19-a horo: 10 €

malfermita 20-27.07 ĉiutage, ankaŭ dimanĉe (kontraŭe al informo en la retejo)

## Lipterin vegetara restoracio

Adreso: Hämeenkatu 10 (apud la vendoplaco, surkorte) lipterin.com tel. 044-9803-294 (finne/angle/ruse)



## Kontribuu al Kongresa Kuriero

La kongresa kuriero, La Saltejo, aperos ĉiutage dum la kongreso. La gazeto havas propran retpoŝtan adreson kongresakuriero2019@gmail.com Prefere sendu viajn kontribuaĵojn retpoŝte, sed eblas porti ankaŭ materialon surpapere al la informejo aŭ la redaktejo de la gazeto. La gazeton redaktas Jukka Pietiläinen.

## Legantoj kaj aĉetantoj! Nia Libro de la Tago

Se vi volas legi interesan romanon en modela stilo, iru al la Libroservo kaj provu *Mi stelojn jungis al revado* de Mikaelo Bronŝtejn, unu el la plej talentaj nuntempaj aŭtoroj en Esperanto. Vi povas diri, ke Sten Johansson rekomendis ĝin en la Kongresa Libro!

## La nomo de la gazeto

La nomo de la ĉi-jara Kongresa Kuriero estas La Saltejo, do ĝi referencas al skisaltejoj, kiuj estas unu el plej rimarkeblaj vidindaĵoj de Lahtio apud la same bone videblaj radiomastoj.

Lahtio estas konata ankaŭ kiel urbo de vintra sporto pro siaj naturaj eblecoj. La unua skisaltejo estis konstruita jam en la jaro 1922 kaj ĝi estis uzata por la monda ĉampionkonkurso en la jaro 1926. La unua skisaltejo havis grandecon de 40 metroj, sed ĝi estis plilarĝigita al 50-metra en 1931. Poste la skisaltejoj estis renovigitaj, novaj estis konstruitaj kaj la nunaj tri skisaltejoj estis konstruitaj en 1972-1977.

Ĉiujare okazas internaciaj konkursoj en tiuj saltejoj por skisalteja mondpokalo kaj foje ankaŭ konkursoj de monda ĉampioneco, plej laste en 2017.

Finnlando estis tre sukcesa en skisaltado apud norvegoj, germanoj kaj aŭstroj. En Finnlando la skisalta sporto komenciĝis en la jaro 1885. Tamen nuntempe la Finnlanda partopreno en internaciaj konkursoj de skisaltado estas modesta.

Se en la 1950-aj jaroj en Finnlando estis proksimume 100 skisaltejoj, inkluzive ankaŭ malgrandajn, nun ekzistas nur 11 skisaltejoj, kiuj povas esti uzataj por internaciaj konkursoj de plenkreskuloj. Multaj urboj simple trovis la skisaltejojn ne tiom multe uzataj kaj multekostaj, kaj decidis detrui ilin.

Krome ankaŭ la kvanto de skisaltantoj signife malkrekis: nuntempe Finnlando havas nur 45 licencigitajn plenkreskajn skisaltistojn kaj nature la uzo de skisaltejoj fariĝas malpli ofta. Jam dum 13 jaroj finnoj ne gajnis eĉ unu medalon en internaciaj konkursoj de mondpokalo aŭ monda ĉampioneco.

## ILEI pri la 52-a Kongreso en Ĉaĉak, Serbio

La kongresanaro povis malkovri la belan folkloron de Serbio kaj de la regiono de Ĉaĉak spektante tre belan nacian vesperon dimanĉe vespere. Koruso el 12 virinoj kun nomo « Ĉaĉak Liro » regalis la kongresanojn per plej belaj kaj variaj kantoj. Infana grupo « Bambi » el 6 knabinoj kaj 6 knaboj dancis lokajn dancojn vigle kaj gaje en belegaj buntaj kostumoj.

Lunde matene okazis la solena malfermo en ĉeesto de la vicurbestro Sinjoro Vladan Milić kaj de la dekanino de la fakultato Sinjorino Danijela Milošević. La virina koruso denove aperis kaj kantis nian himnon kun niaj aldonaj voĉoj kompreneble. Ambaŭ gravuloj substrekis la honoron por la urbo akcepti tiom gravan internacian eventon. Ni revidos la dekaninon okaze de la dutaga Konferenco, kiu okazos en la universitato kadre de nia Kongreso ĵaŭde kaj vendrede, malfermita al lokaj instruistoj kaj profesoroj. La temo de la Konferenco estas la kongresa temo: ”Lernado en virtualaj komunumoj”.

Lunde posttagmeze okazis denove komitatkunsido kaj paralele lingvokursoj en du niveloj kaj kurso pri la serba lingvo. La unua parto de la 58-a AMO-seminario (Aktivula Maturigo) temis pri eksteraj rilatoj; Mireille Grosjean prezentis la diversajn zonojn de Eŭropo, iom pri UNESKO kaj UN kaj raportis pri siaj spertoj en siaj kontaktoj kun diversaj landaj delegacioj kaj ministroj.

La fama aktoro Saŝa Pilipović aperis en teatro vespere en la vestaĵoj de Galileo Galilei; per sia vervo li amuzis nin sed ne nur, ĉar la teatraĵo ankaŭ enkondukas pripenson pri la sinteno de persono, kiu akiris sciojn aŭ kapablojn, kiuj ĝenas la kutimojn kaj povas alporti problemojn. Ĉu silenti, rezigni, aŭ ”kuraĝe antaŭen!”, jen la demando.

Mireille Grosjean

## Novaj aliĝoj

856 S-ino Veronika Haupt, Aŭstrio
857 S-ino Jindřiška Dubinová, Ĉeĥio
858 S-ro Jiří Jelínek, Ĉeĥio
859 S-ino Milena Jelínková, Ĉeĥio
860 S-ro Andreas Diemel, Germanio
861 S-ino Heidrun Speckmann, Germanio
862 S-ino Natalia Kasymova, Germanio
863 S-ro Günther Neue, Germanio
864 S-ro Theodor Speckmann, Germanio
865 S-ro Werner Brezinski, Germanio
866 S-ro Werner Groen, Germanio
867 S-ino Anneli Hansen, Finnlando
868 S-ino Aili Kosonen, Finnlando
869 S-ro Heikki Kosonen, Finnlando
870 S-ro Attila Varró, Hungario
871 S-ro Boris Arrate Veranes, Hungario
872 S-ro Aldo Grassini, Italio
873 S-ino Daniela Bottegoni-Grassini, Italio
874 S-ro Leonardo Gualdini, Italio
875 S-ino Laura Gentili, Italio
876 S-ino Marinella Giampieri, Italio
877 S-ino Mariella Calabrini, Italio
878 S-ro Tanabe Kunio, Japanio
879 S-ino Marianne C. Lund, Norvegio
880 S-ro Otto Prytz, Norvegio
881 S-ino Elena Shuraleva, Rusio
882 S-ino Galina Koroljova, Rusio
883 S-ro Jurij Kochetkov, Rusio
884 S-ro Anatolij I. Masenko, Rusio
885 S-ro Nikolaj Jashin, Rusio
886 S-ro Pavel Rjabov, Rusio
887 S-ino Rita Rjabova, Rusio
888 S-ino Tatiana Zinovyeva, Rusio
889 S-ro Vagiz Gimaliev, Rusio
890 S-ino Anita Dagmarsdotter, Svedio

| Aŭtoraj Duonhoroj 2019 | |
|---|---|
| **Dimanĉo, la 21-a de julio** | |
| 14h30 | Ĝoja (teamo de Teo kaj Amo) |
| 16h30 | Spomenka Štimec 1 |
| **Lundo, la 22-a de julio** | |
| 14h30 | Eugen Macko |
| **Mardo, la 23-a de julio** | |
| 14h30 | Sten Johansson 1 |
| 16h00 | Carlo Minnaja |
| **Ĵaŭdo, la 25-a de julio** | |
| 9h30 | Dima Ševĉenko kaj Anna Striganova |
| 11h00 | Spomenka Štimec 2 |
| **Vendredo, la 26-a de julio** | |
| 11h00 | Anna Löwenstein |
| 14h30 | Sten Johansson 2 |

Julkaisija: Suomen Esperantoliitto ry.

# LA SALTEJO

Kongresa Kuriero de la 104-a Universala Kongreso de Esperanto

**Dimanĉon, la 21-an de julio 2019** **n-ro 2**

Redaktas: Jukka Pietiläinen


## Duncan Charters estas la nova prezidanto de UEA

La Komitato uzis pli ol duonhoron por trakti pri tagordo, eĉ kun sekreta voĉdono pri tio, ĉu la oficistoj de UEA, kiuj ĉeestas en la kongreso, estu invitataj al tiu tagorda punkto en kiu estas traktataj la financaj aferoj de UEA kaj la plano redukti salajrokostojn.

La komitato elektis novajn komitatanojn C, kiuj fariĝis Duncan CHARTERS, HUANG Yinbao (Trezoro), Andreas DIEMEL, Mark FETTES, Dennis KEEFE, Zsofia KÓRÓDY, Francois LO JACOMO, Stefan MACGILL kaj Rakoen MAERTENS.

La nova prezidanto de UEA estas Duncan Chaters el Usono. Estis bezonata du voĉdonadoj por elekti prezidanton ĉar la elekto postulas pli ol duonon de voĉoj kaj en la unua voĉdonado Maia ricevis 21 voĉojn kaj Charters 20 kaj krome estis unu voĉdonilo kontraŭ ambaŭ kandidatoj, do Maia ne ricevis pli ol duonon de voĉoj. En la dua voĉdonado Charters ricevis 22 voĉojn kaj Maia 21 voĉojn. Al la estraro estis elektitaj ankaŭ kaj HUANG Yinbao, Alex KADAR, Fernando MAIA, Orlando E. RAOLA, Jérémie SABIYUMVA, SO Jinsu kaj Amri WANDEL.

La kunsido daŭris kun la elektoj de vicprezidantoj, ĝenerala sekretario, financa komisiono kaj komitataj reviziantoj, kiam la gazeto estis ekpresita.



Duncan Charters



Fernando Maia

## Prelegoj pri Finnlando ŝanĝitaj

Pro kolizio kun aliaj devoj de prelegantoj du prelegoj pri Finnlando ŝanĝis siajn lokojn: Prelego de Jukka Pietiläinen ”Politika vivo en Finnlando” okazos marde 15h45-16h45 en Lapenna kaj la prelego de Sakari Kauppinen pri ”Finna naturo” okazos jam lunde 14h15-15h15 en Lapenna.

## Kromaj programŝanĝoj

Koncerto de Kajto: marde 15h45-16h45 en la salono Leivo-Larsson.

Dimanĉe je 16h30 en salono Konisi demonstro, eksplikо kaj prova ekzercado de tajĝio, luktoarto de ekvilibro kaj interneco, nuntempe populara por sano, malŝtreĉiĝo kaj interna paco.

Matti Lahtinen kn 291

## Sameoj rakontos pri siaj lingvoj

Dimanĉon je 14h30 en salono Lapenna vi povos aŭdi pri la sameoj kaj pri la tri sameaj lingvoj parolataj en Finnlando. Nian kongreson vizitos la tri internacie konataj sameaj aktivuloj kaj esploristoj Irja Seurujärvi-Kari, Annika Pasanen kaj Erkki Lumisalmi. Iliaj prelegoj estos interpretitaj en Esperanton. Poste estos okazo demandi kaj diskuti. La prelegoj ligiĝas ne nur al nia kongresa ĉeftemo, sed ankaŭ al la Internacia Jaro de Indiĝenaj Lingvoj.

Sube la prezentoj de sameaj prelegantoj.

D-ro **Irja Seurujärvi-Kari** estas emerita lektoro pri la sameaj lingvo kaj kulturo kaj direktoro de la samea fako en la Universitato de Helsinko. Ŝi longe funkciis kiel vicprezidanto de la Samea Parlamento. Ŝi kunaŭtoris plurajn gravajn faklibrojn pri la sameoj en la finna, samea kaj angla lingvoj, kaj havis dum multaj jaroj aktivan rolon en la Samea Lingva Konsilantaro, ankaŭ kiel prezidanto. Ŝi aktivis en internacia kunlaboro de indiĝenaj popoloj kaj reprezentis tiujn en diversaj organoj kaj konferencoj de la Unuiĝintaj Nacioj.

D-ro **Annika Pasanen** estas lingvisto, kiu esploris minacatajn kaj revivigatajn lingvojn en la samea regiono kaj ankaŭ inter la indiĝenaj popoloj de Rusio. Krom sian denaskan finnan, ŝi parolas du sameajn lingvojn, kaj loĝas konstante en Aanaar (finne Inari) ekde la jaro 2005. Ŝiaj du infanoj ekposedis la anarsamean en lingvonesto. Ŝi nun esploras la ”novajn parolantojn” de la samea, do tiuj kiuj lernis la lingvon kiel plenkreskuloj.

**Erkki Lumisalmi** laboris en la samea regiono de Finnlando dum pli ol 30 jaroj kiel kantoro de la Ortodoksa Eklezio. Li tradukis diservajn tekstojn en la skoltsamean, instruis la lingvon en lernejoj kaj aktivis por la progresigo de la skoltsameaj lingvo kaj kulturo. Li havis diversajn taskojn en la Samea Parlamento dum pli ol 12 jaroj. Li plu estas membro de la Samea Lingva Konsilantaro kaj vicprezidanto de ties sekcio pri la skoltsamea.

## Memorigo al eldonejoj: libroj de la jaro

Karaj eldonejoj,

ni memorigas al vi ke mardon la 23-an de julio, en salono Lapenna (9h00-10h30) okazos la tradicia kultura programero "Libroj de la Jaro", dum kiu eblos prezenti la interkongresajn eldonitaĵojn.

Respondecas pri la programero Sara Spanò, kun la valora helpo de Claude Nourmont; se vi pretas kontribui per mallonga prezento, bv. anonci vian ĉeeston!

Maria Rosaria (Sara) Spanò - KN 50
<mariarosaria.spano@gmail.com>

## Aŭtoraj duonhoroj ankoraŭ eblas

Se ial via nomo ne aperas en la listo aperinta en hieraŭa unua numero de Kongresa Kuriero, bv. signali tion: ankoraŭ disponeblas kelkaj liberaj lokoj!

Maria Rosaria (Sara) Spanò - KN 50
<mariarosaria.spano@gmail.com>

## Kontakto kun studentoj serĉata

Mi scivolas ĉu iu el la finnaj gekongresanoj memoras pastron Hemmo Tietti kaj lian edzinon Veera. En la jaroj 1970/1980 ili organizis Esperanto-kursojn en Vääksy kaj invitis min tiam kiel eksterlandan instruiston. Estus plezuro revidi iujn el miaj tiamaj studentoj dum la ĉi jara UK en Lahtio.

Bonvolu kontakti min

Leszek Kordylewski kn 897

## Kunĉambranino serĉata

Serĉas kunĉambraninon Igone Manciles, kongresa numero 816. Ŝi havas dulitan ĉambron en Kauppahotelli Grand. Kontaktu per telefono +34 652727916.

## Manĝeblecoj en la kongresejo

**Menuo de restoracio Lämäri en la kongresejo**

lunĉo: 10 eŭroj (supo + ĉefa plado + salato + pano + trinkaĵo + kafo aŭ teo kaj eta dolĉaĵo)

sup-lunĉo: 8 eŭroj (supo + salata bufedo + pano + trinkaĵo + kafo aŭ teo + eta dolĉaĵo)

**Dimanĉo**
krema salmosupo

verda salato, ruĝaj betoj en pecoj, acidkremo, salato kun porkaĵo, salato el tomato kaj cepo

fileo de kokaĵo, bearneza saŭco, fritita rizo, fornobakitaj terfruktoj,

vegetaraj bifstekoj

**Lundo**
supo el kaĉigitaj terfruktoj kaj fromaĝo

verda salato, brasika salato, salato kun tinuso, melonsalato,

porka fileo, kuiritaj junaj terpomoj, kremo-piprosaŭco, gratenitaj terpomoj,

pastaĵo kun kukurbeto kaj tomato

**Mardo**
supo: supo el fumaĵita boacaĵo

verda salato, salato kun kokaĵo-nudeloj, salato el feta-fromaĝo kaj melono, olivoj

finna fornobakita viandhaketaĵo, karotoj spicitaj per estragono, kuiritaj terpomoj, ĉampinjona rizoto

**Ĵaŭdo**
supo el kokaĵo

verda salato, salato el sovaĝaj fungoj, kukumo kun aneto, salato kun fromaĝo

fornobakita salmo, terpoma rostaĵo, ”pyttipannu” (fritataj terpomoj kaj viando), fritita ovo, fritaĵo el legomoj kaj tofuo

**Vendredo**
fromaĝa supo

verda salato, salato el freŝfromaĝo kaj fruktoj, miksita salato el salmo kaj pastaĵoj, cezara salato

bovaĵo longe kuirita en poto, fornobakitaj terpomoj, stufita napo, legomoj kuiritaj en volbopato

**Sabato 27.7.**
tomata lentosupo

verda salato, Mediteranea salato, salato el ruĝaj betoj, raspaĵo el brasiko kun vakcinioj,

pecigita kaj fritita ĉasaĵo, frititaj koregonetoj (laga fiŝeto), ovosaŭco, terpoma kaĉo, spinaco-krespetoj

### Menuo de restoracio Ellen en lerneja centro Salpaus

Malfermita je 11.30 - 14.00.
Kafejo malfermita je 9.00 - 16.00.
Prezo 8 eŭroj / persono
Inkluzivas salaton, ĉefan pladon, panon kaj buteron, trinkaĵojn kaj kafon.
Desertoj aĉeteblas el kafejo. En mardo lunĉo inkluzivas deserton.

Lundo 22.7.2019
Bolognesa saŭco, pastaĵo
Vegetara bolognesa saŭco, pastaĵo

Mardo 23.7.2019
Supo de salmo, legoma-lenta supo
Deserto: Patkuko kun fraga konfitaĵo

Ĵaudo 25.7.2019
Pastaĵo à Palermo,
Lasagnette kun spinaco kaj fromaĝo

Vendredo 26.7.2019
Porka viando kun saŭco de ruĝa vino, terpomoj de nova rikolto,
Farĉitaj kapsikoj

Restoracio Ellen estas malfermita je 11.30 - 14.00.
Kafejo de restoracio Ellen estas malfermita je 9.00 - 16.00.

## Legantoj kaj aĉetantoj! Nia hodiaŭa rekomendo

István Ertl estas brila tradukanto el la hungara en Esperanton – kiel pruvas lia traduko de verko de Nobel-premiito Imre Kertész ”Sensorteco”. Se vi serĉas brilan verkon de la nuntempa literaturo, tiu ĉi konsterna rakonto pri la dummilita Budapeŝto certe kaptos vian atenton! Trovu ĝin en la Libroservo.

## Finnaj poemoj

Jorge Camacho

### En finna feri-domo

For de la voĉtumulto de l' bazaro,
de la haveno, de la urbo fola,
ĉe lago, ligna domo staras sola
profunde en la denso de l' arbaro.

Videblas eĉ ne ombro de najbaro,
kaj ventmurmuro ŝajnas pretervola.
Koloroj valsas en altern' pendola.
Naturo pulsas – pasas nur la jaro.
Sed jen alvenas homoj kaj okazas
eta revoluci': la dom' ekstazas
almenaŭ ĝis la fino de l' semajno.

Ili laboras, vojas kaj meditas,
siestas, manĝas kaj, plej grave, ŝvitas
en la karesa varmo de la saŭno.

### Arbara neprejeto

Tomato, pan', kolbas', fromaĝo, frago
post saŭno, vespermanĝe sin prezentas.
Mi frandas ĉion ĉi, sed poste sentas
pelegon al la nenominda ago.

La vojon mi ekiras. Ĉe la lago,
arbare, kaŝe-kuŝe ĝi serpentas
al loko, kiu daŭre nin atendas
en nokta nigro, aŭ en lum' de l' tago.

Ligna domet' kun trono same ligna,
kvankam malvasta, monumente digna
laŭ ĉiuj leĝoj de arĥitekturo.

Mi sidas, kaj mi sentas min ermito
kaj celebranto de miljara rito:
revenas miaj pensoj al naturo.

### Alko kaj boaco

Mi volus esti alko kaj boaco,
eterna popolanto de l' arbaro
virga, nepenetrita de nomadoj,
antaŭ la voĉa, voja hom-invado,
kaj vadi laŭ la bordoj de la lago,
indiferente pluvon aŭ la svarmon
de somerfinaj kuloj, kaj la branĉojn
langlipe pluki je folioj, framboj,
mirteloj, ĥamemoroj, dum la valon
ne kovras nokto, lupoj aŭ blizardo,
kaj vagi, vadi plu sen akompano
en freŝa labirint' de praaj padoj
imune al malsano kaj malsato.
Mi volus esti alko kaj boaco.

### Ĉio en (n)ordo

Sezonŝanĝo

Boaco, alko
formigris jam. Ĉe-borde,
boato, algoj.

Sonpejzaĝo

Pepo de birdo,
paŝoj surherbe, venta
susuro, lirlo.

Fumosaŭno

Fumosaŭno
Varma nigro
Varmo nigra
Nordosuno

Fumosaŭno
Lag' invita
Lango vigla
Somerpluvo

Fumosaŭno
Paradizo
Lunoklaro
Ondolulo.

[el Celakantoj, 2004]

Julkaisija: Suomen Esperantoliitto ry

# LA SALTEJO



Kongresa Kuriero de la 104-a Universala Kongreso de Esperanto

**Lundon, la 22-an de julio 2019** **n-ro 3**

Redaktas: Jukka Pietiläinen

## Trarigardo de programŝanĝoj de lundo kaj marda mateno

Nova programero: Parolu Plu kunsido 1 en lundo 12h30-13h30, en salono Kavka

Nova programero: Vinilkosmo, lunde 17h00-18h00, en salono Lapenna

## Plia aŭtora duonhoro

Lunde je la 16h00 nepre ne maltrafu la prezenton de Amri Wandel. Ĝi aldoniĝas al la programo publikigita en la sabata numero de la Kongresa Kuriero.

Maria Rosaria (Sara) Spanò - KN 50

## Komitataj forumoj marde

La mardaj komitataj forumoj interŝanĝis lokojn. Matene estos la Komitata Forumo pri Kapabligo 9h00-10h30 kaj posttagmezo estos la Komitata Forumo pri Konsciigo 15h30-17h00, ambaŭ en Hodler.

Kapabligo traktos ĉefe la kunlaboron kun ILEI (komence, por ne kolizii kun la Tago de Lernado ekde la 10a) kaj aktivulan trejnadon - bonvenas ĉiuj homoj interesitaj pri tiuj temoj.

Konsciigo traktos informadon kaj eksterajn rilatojn, komencante per rerigardo al la la rekomendoj el la pasintjara Forumo (vidu la raporton pri plenumo de la Komitata rekomendoj).

La koncerto de Martin Wiese ne okazas kaj anstataŭ ĝi okazos koncerto de Kajto en mardo 15h45-16h45 en Leivo-Larsson.

Marde nuligita IKU/AIS prelego de Ida Stiria je 10h00 en Kavka.

### Nova salono por la Finna eksprese

Finna ekspere okazos en la nova salono **Vilkki**, kiu estas en la **lernejo Salpaus**. Turniĝu maldekstre ĉe la pordo kaj sekvu ŝildojn. Jen mapo kiel trovi la ejon:




## Vilkki, Joel (1900-1976)

Elstara finna esperantisto. Longtempa ĉefdelegito de IEL/UEA (1937-1971). Kiel licea rektoro, li ebligis la faman eksperimenton (1958-1963) en sia lernejo en Somero (1958-1963) por testi la pedagogian valoron de Esperanto, kun pozitivaj rezultoj konfirmitaj en la oficiala raporto. Lia ĉefverko estas la vortaro Suomi-Esperanto-Suomi (1963), kies tria eldono aperis en 1982, kompletigita kaj prespretigita de lia filino Heljä Favén. La filino partoprenis la inaŭguron de ĉi-jara UK.

# Tago de lernado

**70-jara komunumo instruas por floranta (inter)kulturo**

**Mardo, 23-a de julio 2019 je 10.15-16.45, salono Setälä (lernejo Salpaus)**

10h15-10h30 Bonvenigo

10h30-11h30 Marija Belošević: trarigardo de la historio

11h30-12h00 Renato Corsetti: Italoj en la historio de ILEI

12h00-12h30 Ilona Koutny: Graveco de la universitata instruado de esperantologio kaj la rolo de István Szerdahelyi

12h30-13h00 Paŭzo

13h00-13h15 Resumo de la 1-a parto

13h15-13h45 Duncan Charters: "50-jara universitata Esperanto-programo en Usono: NASK kaj ILEI"

Prioritatoj de la Estraro de UEA rilate la E-instruadon 14h00-14h30 Monika Molnar: Freinet-movado kaj ILEI (kaj E-instruado)

14h30-15h00 Katalin Kováts: www.edukado.net kiel aliancano de ILEI, komuna paŝado al la celoj

15h00-15h30 François Lo Jacomo: UEA kaj ILEI en rilatoj kun UNESKO

15h30-16h00 Sylvia Hämäläinen: Eduksistemo de Finnlando

16h00-16h45 Mirejo Grosjean: ILEI hodiaŭ kun perspektivoj + konkludo

Kunordiganto: Marija Belošević, kn. 137

## Ateista kunsido pri festoj

Kiel ateistoj festas la gravajn okazojn de la vivo? Ĉu ni ankoraŭ bezonas ritojn kaj festivalojn? Por diskuti tiujn demandojn, venu al la kunveno de ATEO mardon je 14.30-16.00 en salono Konisi.

Anna Lowenstein, KN 695

Urĝa alvoko al partoprenantoj de parkera kantado de nia himno: La Espero. Bv. Ripeti la 3 strofojn ĉiutage plurfoje. Tiam vi certe sukcesos en la ekzamento! KN 184.

## LSG kuntrinkado

Ĉiuj kongresanoj GLAT-aj (gejoj, lesboj, ambaŭseksemuloj, transgenruloj, ktp.) estas bonvenaj lundon vespere renkontiĝi je la 19h30 ĉe trinkejo ”Espresso House” (Aleksanterinkatu 10).

## Novaj aliĝoj

891 Montenegro Matos da Silva Robinson, BR

892 Marc Konijnenberg, NL

893 Neil Blonstein, US

894 Raphaelborin Das Gupta, CH

895 Luiz Fernando Puhl, BR

896 Thi Hoan Tran, VN

897 Leszek Kordylenski, US

898 Pöök Ore Vilbaste, EE

899 Pèter Pàl Denke, HU

900 Chantal Alien, FR

901 Xie Nong, CN

902 Xie Bela, CN

903 Anastazija Janusonienė, LT

904 Irene Calgaris, IT

905 Yu Pilgeun, KR

906 Bae Sung Yang, KR

907 Oh Haeun, KR

908 Oh Daeun, KR

909 Michaela Concialdi, IT

## Nia kongresejo estas glacihokea halo

Vi certe rimarkis ke la ĉi-jara kongresejo estas glacihokea areno. La nuna areno estas konstruita en 1973 kaj renovigita kaj plilarĝigita kelkfoje post tio.

La ĉefa uzanto de la areno estas la glacihokea teamo Pelicans (pelikanoj).

Pelicans portas tiu nomon ekde la jaro 1996, sed ĝiaj radikoj iras al la jaro 1891, kiam en Viborgo, tiutempe parto de Finnlando, estis fondita glacihokea teamo sub la nomo Viipurin reipas. Post la dua mondmilito la teamo translokiĝis al Lahtio, kiu fariĝis grava loĝloko de finnoj evakuitaj el teritorio, kiu fariĝis parto de Sovetunio.

Pelicans ludas en la plej supra serio de Finnlanda hokeo senrompe ekde 1999, sed ankaŭ eĉ pli frue ĝi kelktempe ludis en tiu serio. La plej bona rezulto de Pelicans estas el la jaro 2012, kiam ĝi ricevis la arĝentan medalon en finnlanda hokeo. En pasinta sezono 2018-2019 Pelicans fariĝis la kvina el 15 teamoj de Finnlanda hokea ligo, unu el la plej bonaj rezutoj de la teamo.

La ludoj komenciĝas denove en la areno meze de aŭgusto. Tuj post la fino de UK komenciĝos la preparado de glacio por la sezono.

## Finnlanda gazetaro pri la kongreso

La loka, sed ankaŭ nacia gazetaro raportis sufiĉe vaste pri la kongreso. Aperis novaĵoj pere de nacia novaĵagentejo en pluraj gazetoj diversloke.

La senpage distribuita gazeto en Lahti, Uusi-Lahti (Nova Lahti) aperigis preskaŭ unupaĝan artikolon pri la preparlaboroj por la kongreso kaj pri Esperanto.

La ĉefa loka gazeto Etelä-Suomen Sanomat (Novaĵoj de Suda Finnlando) raportis pri la kongresaj preparoj jam en sia vendrera numero antaŭ la kongreso, sed la ĉefa artikolo aperis sabate 20-an de julio. Temis pri intervjuo kun loka esperantisto Börje Eriksson, kiu rakontis pri sia esperanisteco, kongreso de blindaj esperantistoj kaj pri la ideo malantaŭ Esperanto. Apude aperis intervjuo kun la loka turisma ĉefo Raija Forsman, kiu rakontis pri la preparoj el vidpunkto de la urbo. Tiuj materialoj plenigis unu paĝon en la gazeto kaj en la apuda paĝo la sama teksto aperis en Esperanto per traduko de Jukka Pietiläinen.

Samtage la 20-an de julio la plej granda nacia gazeto Helsingin Sanomat publikigis unupaĝan artikolon kie la ĉefa temo estis esperanto kiel denaska lingvo. Ĵurnalisto intervjuis Jouko Lindstedt kaj lian filinon Larissa Phileas. Kroma intervjuito estis iom konata populara kantisto M.A.Numminen, kiu lernis Esperanton en lernejo kaj uzas foje Esperanton en sia kantado. Numminen inter alie partopreni kaj prezentis sian muziko en junulara kongreso en Raŭmo en la jaro 1980. La gazeto donas ankaŭ 10 frazojn kiel rapidkurso pri Esperanto.

La komentoj de legantoj aperintaj post la artikolo publikigita ankaŭ rete (entute ĉ. 20 komentoj), estis grandparte kontraŭaj al Esperanto, aŭ minimume mirigaj, ke Esperanto ankoraŭ ekzistas. Tamen estis ankaŭ unuopaj pozitivaj komentoj.

Loka redakcio de nacia televida kaj radiokompanio Yle intervjuis Jukka Pietiläinen pri Esperanto en sia vendrera posttagmeza elsendo kaj faris raporton ankaŭ en retejo de la redakcio. Lunde la redaktoro planas reveni por fari materialon por televido.

Jukka Pietiläinen

## Unesko alvokas korusajn kantojn pri paco ankaŭ en Esperanto

Festivalo por la paco organizata de Unesko okazos en Tolosa (Hispanio) la 19an de septembro 2020 (do post unu jaro). La laborlingvoj de tiu ĉi festivalo estas la franca, la angla, la hispana kaj Esperanto. Dum tiu ĉi festivalo, estos projekciitaj filmetoj de kiel eble plej da korusoj tra la mondo, kantantaj por la paco en plej diversaj lingvoj, sed la tekstoj de tiuj ĉi kantoj devos esti tradukitaj al unu el la kvar laborlingvoj: franca, angla, hispana aŭ Esperanto. Se vi konas koruson, kiu povus realigi tian 3-minutan filmeton de kanto por la paco, en iu ajn lingvo (kun traduko de la teksto al Esperanto) aŭ rekte en Esperanto, bonvolu kontakti François LO JACOMO (KN 628), ekzemple dum la UN Kunsido mardon (17h00 en Lapenna).

## Aliĝu al Montrealo!

Aliĝu al la 105a UK en Montrealo dum la UK en Lahtio kaj venu al la informa tablo pri la montreala UK anonci tion. Vi ricevos belan valizan identigilon kaj aliajn donacetojn.

Ni bonvenigas demandojn pri Montrealo kaj plezure informos vin pri la venonta UK ĉe la informa tablo Montrealo 2020.

Normand Fleury kn 67

## Kielipalsta – La lingva kolono

Notu, ke la (ĉefa) akcento ĉiam restas sur la unu silabo, kaj ĝi signifas, ke oni elparolas la silabon ete pli laŭte, ne per longigi vokalojn aŭ iel alimaniere.

Kiam vendejoj estas malfermitaj?

Sur la pordo ofte estas ŝildo kun teksto:

ark. (mallongigita de la vorto ar-ki-päi-vi-sin) aŭ
ma–pe (mallongigita de vortoj maa-nan-tais-ta per-jan-tai-hin): labortage resp. de lundo ĝis vendredo
la (lau-an-tai-sin): sabate
su (sun-nun-tai-sin): dimanĉe

Oni ĉiam skribas horojn uzante la 24-horan notacion. Kutime vendejoj por manĝaĵoj estas malfermitaj 8–22 horoj, aliaj vendejoj 9–17 horoj. Suljettu signifas fermita.

Kiel saluti kiam oni eniras ekzemple en vendejon aŭ renkontas nekonatajn personojn?

Hy-vää huo-men-ta!: Bonan matenon!
Ĉiam taŭga antaŭ la naŭa horo

Hy-vää päi-vää! : Bonan tagon!
Ĉiam taŭga inter la naŭa kaj la deksesa

Hy-vää il-taa! : Bonan vesperon!
Ĉiam taŭga post la deksesa

Tamen multaj finnoj preferas saluti malpli formale.

Terve! : Saluton!
Ĉiam taŭga dum la tuta tago

Hei! : Hej!
Ĉiam taŭga dum la tuta tago

Moi! : Hej!
Inter konatuloj dum la tuta tago

Kion diri kiam oni eliras el vendejo aŭ adiaŭas?

Kiitos! : Dankon!
Taŭgas ĉiam kiam oni aĉetas aŭ ricevas ion

Hei! Hei! : Hej! Hej!
Taŭgas kiam oni forlasas iun lokon aŭ alie adiaŭas

Moi! Moi! : Hej! Hej!
Taŭgas kiam oni adiaŭas siajn konatulojn. Notu, ke post kelkaj bieroj oni povas rigardi ekzemple ankaŭ la kelneron kiel konatulo

## Skribu por kongresa kuriero

Kongresa kuriero akceptas viajn tekstojn per adreso kongresakuriero2019@gmail.com

## Opinio pri la kongresa malfermo

Ĉe malfermo de nia kara 104-a UK tre plaĉis nekutima, sed tre konvena muziko kaj kanto, kiujn mi konsideras finnajn. Mi estus ĝoja, se iu kapablus krei novan esperanto-himnon.

La himno nova devus temi pri nuntempe multkoloraj vivfacetoj, sed ĝin prefere regu amo kaj paco. Ekzemple: ”donu al mi vian manon amiko kaj ni kune formu mondon deziratan ktp.”

Amikan saluton KN 103

## Plua raporto pri ILEI kongreso

ILEI preparis por la UK-anoj en Lahti buntan programon por marda tago, kiu estas la Tago de la Lernado. Estos prezentata analizo de la laboro de multaj aktivuloj, inter kiuj estas membroj de ILEI: Renato Corsetti, Duncan Charters, Monika Molnar, Ilona Koutny, Katalin Kovàts kaj aliaj. Mireille Grosjean provos skizi la atingojn de la Ligo, ĝiajn fortojn kaj lamaĵojn. Ne nur instruistoj, sed vasta publiko ĝuos tiun varian programon, starigitan de ILEI-ano kaj komisiito pri agado de ILEI kadre de UK Marija Belošević. La nomo de la Tago estas “70-jara komunumo instruas por floranta (inter)kulturo”.

La Interlingvistikaj Studoj de la Universitato Adam Mickiewicz (Poznano, Pollando) kaj ILEI kaj Edukado.net, denove kune organizas unujaran instruistan trejnadon EIT. La kursaro necesigas partoprenon dufoje en la surloka intensa semajna sesio (la unua okazos 14-20 sept. 2019, la dua 01-07 feb. 2020) kaj intertempan hejman laboradon, retajn taskojn kaj konsultiĝon kun la kursgvidantoj kaj fine pretigon de laboraĵo pri metodika temo, kies prezento kun la fina ekzameno okazos en septembro 2020. Aliĝantoj ricevos ILEI-diplomon pri instruista trejnado.

Katalin Kovats akceptis esti redaktoro de Manlibro pri Instruado de Esperanto. Helpo venas de nia vic-prezidanto Ivan Colling kaj de lia edzino Rita. Okazis malfruoj en la liverado de la kontribuoj, tiel ke ni devis rezigni pri printado antaŭ la juliaj kongresoj, ĉar ni celas kvaliton kaj preferas iom atendi kaj liveri al la Movado valoran ilon.

Mireille Grosjean

Julkaisija: Suomen Esperantoliitto ry.

# LA SALTEJO



**Kongresa Kuriero de la 104-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Mardon, la 23-an de julio 2019** **n-ro 4**

Redaktas: Jukka Pietiläinen

## Programŝanĝoj marde kaj ĵaŭde matene

Nova programero: Mardo 13h30-15h30, Vinilkosmo: 29 jaroj da eldonado de E-muziko, en salono Anttila

Nova programero: Koncerto de Kajto: marde 15h45-16h45 en la salono Leivo-Larsson.

Prelego pri Finnlanda naturo okazis jam en lundo pro tio, ke la preleganto gvidas dum mardo ekskurson al Helsinko. Prelego pri Finnlanda politiko okazos marde je 15h45 en salono Lapenna (anstataŭ prelego pri Finnlanda naturo).

Merkredo estas ekskursa tago kaj la kongresejo estas fermita.

Nova fina horo: Ĵaŭdo 10h15-15h15, Esperantologia Konferenco, en salono Setälä

Nova programero: Parolu Plu kunsido 2 je ĵaŭdo 11h00-12h00, en salono Anttila

## Novaj aliĝoj

910 Benedicto Silva BR

911 Dulce Mara Silva, BR

912 Bernard Bigonnet, FR

913 Gilles Tabard, FR

## Poŝta servo en informejo

Ĉe la informeja giĉeto en la enira halo estas kesteto por lasi viajn poŝtkartojn. Ĉiutage iu el ni organizantoj liveros ilin al poŝto por sendo. LKK

## NOTU! Ekstra Finna eksprese

okazos por komencantoj en la lernejo Salpaus, salono Vilkki, marde je la 18h15.

## Sveda ministro salutas la kongreson

Jen la filmeto kun la salutvortoj de Amanda Lind (MP), Sveda Kulturministro,
https://tinyurl.com/salutosveda
Se vi pro iu kialo malsukcesas spektigi la filmon, la Saluto estas la jena:

"Saluton, estimataj kongresanoj!

Mi estas Amanda Lind, sveda ministro pri kulturo, demokratio, sporto kaj naciaj minoritatoj. Kiel ano de Miljöpartiet (la sveda verda partio) kaj la tutmonda verda movado, kaj vivanta naturo kaj floranta kulturo estas valoroj tre proksimaj al mia koro.

Elkorajn bondezirojn mi sendas al la Universala kongreso. Renkontiĝoj kaj babilado inter homoj estas fundamento por vigla demokrata evoluo. Dankon al vi ĉiuj en la Esperanto-movado pro viaj kontribuoj por instigi komunikadon trans lingvaj kaj naciaj limoj. Ni estu unu homaro sur ĉi-unu terglobo!

Amike, Amanda"

## Legantoj kaj aĉetantoj! Memoru Baldur Ragnarsson

Baldur Ragnarsson forpasis fine de la pasinta jaro. Oni memoros lin kaj liajn verkojn en speciala kunveno vendredon (vidu la Kongresan Libron). Lia lasta poemaro, *Momentoj kaj meditoj,* estas aĉetebla en la Libroservo. Ni forte rekomendas ĝin al ĉiuj poeziamantoj.

## Fakulo vizitis kongresejon

Lunde en la kongresejo vizitis Merja Karppinen, direktoro de lingvocentro de Saimaa fak-altlernejo, kiu situas en urbo Lappeenranta. Ŝi konsideras inkluzivi Esperanton inter la lingvojn instruatajn en tiu universitato.



Supre: Kongresanoj praktikas aikidon.

## Aikido alportas al nia Kongreso ĵurnaliston

LKK presigis en iu presejo en Lahtio la Kongresan libron. Tute hazarde iu kunlaboranto de tiu entrepreno, praktikanto de aikido, vidis la vorton **aikido** en nia programo. Li nomiĝas Jussi Koukku kaj apud sia laboro en presejo, li redaktas Finnlandan aikido-revuon. Li faris demandojn al LKK kaj ricevis enirpermesilon por la lunda mateno. Kadre de la Kleriga Lundo Mireille Grosjean prezentis aikidon kaj li ĉeestis.

Unue Mireille prezentis la movadon OOMOTO en Japanio, kiu flegas diversajn luktartojn, ĉefe aikido-n, kaj enkondukis Esperanton en 1923 pro sia devizo Unu dio, unu mondo, unu interlingvo. Dudeko da kuraĝuloj sekvis ŝin poste al arbara loko najbara, kie ĉiu povis malkovri KI, la energion. Per trafaj ekzercoj eblas senti la energion, kiu fluas en malstreĉita korpo. Aikido ebligas venki atakanton per karesoj, kiuj uzas tiun naturan energion.

Poste ŝi enkondukis unuajn simplajn teknikojn kaj farante tion povis ricevi la helpon de la ĵurnalisto, kiu havas la nivelon *nigra zono* kiel ŝi.

Kiel kontribuanto al la bela revuo de aikido en Finnlando, li verkos artikolon pri nia kongreso kaj nia programo AikidEo, lanĉita de Mireille Grosjean kune kun D-ro Christoph Klawe, prezidanto de UMEA, la medicinistoj. Por scii pri pri AikidEo, bv iri al http://esperanto-aiki.de/o/eo/

Mireille Grosjean, KN 342

---

## Finnaĵoj ĉe la informejo

Esperanto-Asocio de Finnlando vendas ĉe la informejo en enirhalo diversajn aĵojn. Ni ekzemple havas belan kolekton da poŝtkartoj kaj ni instigas vin sendi salutojn el nia kongreso al viaj amikoj. Ni vendas ankaŭ poŝtmarkojn.

”Eta libro pri Finnlando” estas libreto kun buntaj bildoj kaj tekstetoj pri Finnlando. La bela libreto havas interesajn informojn pri Finnlando. Ĉu vi ekzemple scias kiom da saŭnoj estas en Finnlando?

Havigu vian propran! :)

Poŝtkartoj: unuope: 2 eŭroj; Serio de 6 kartoj: 10 eŭroj

Poŝtmarko: 1,50 eŭroj

Eta libro pri Finnlando: 6 eŭroj



## Kongresa rezolucio de ILEI-kongreso

La kongresanaro de ILEI

Kunveninte el 19 landoj el 3 kontinentoj en la Fakultato pri Teknikaj Sciencoj en Ĉaĉak, Serbio, por la 52-a ILEI-Kongreso, 13-20 julio 2019, kun la ĉeftemo ”*Lernado en virtualaj komunumoj*”

- Dankas la urban kaj universitatan estrarojn por la gastama akcepto kun muzika-danca aranĝo
- Dankas la lokajn organizantojn, nome Radojica Petrovic, Aranka Laslo, Blanka Laslo kaj Nebojŝa Stankovic
- Bonvenigas la novajn universitatajn interligojn lanĉitajn ĉi-okaze
- Alvokas diskonigi kaj utiligi la elektronikajn rimedojn por distanca lern-apogo
- Esprimas sian ĝojon pro la regula aperado de la Esperanta versio de la UNESKO-Kuriero dankante la sindediĉan iniciatinton HUANG Yinbao ”Trezoro” kaj la redakcian kaj tradukan skipon de la Kuriero
- Rekomendas al siaj sekcioj kaj kursgvidantoj uzi tiun tekstmaterialon kadre de sia instruado kaj tiel disvastigi la ideojn kaj agadojn de UNESKO, varbi grupajn kaj individuajn abonojn por ĝi
- Alvokas la samajn helpi revivigi malpli aktivajn sekciojn, kontaktante la estraran kunordiganton Stefan MacGill

Gravas

- Partopreni kaj partoprenigi en la nuna 70-jara ILEI-jubileo kaj memorjaro pri Hector Hodler en 2020
- Apogi utilajn iniciatojn, i.a. ebligi al junaj aktivuloj partopreni instruan kapabligon kaj diplomiĝon pri Esperanto
- Partoprenigi ilin en la 53-a ILEI-Kongreso en Kebekurbo, Kanado
- Varbi legantojn por *Internacia Pedagogia Revuo* kaj por *Juna Amiko,* kaj utiligi, komenti, pliriĉigi la du revuojn per artikoloj
- Allogi novajn membrojn por la Ligo
- Helpi al diversaj komisionoj, kiel tiuj pri lernolibroj kaj legaĵoj, kunlabore kun www.edukado.net
- En amuze kleriga maniero sciigi nemovadanojn pri la elektronikaj rimedoj ekkoni Esperanton kiel ponton al ”fremdaj” kulturoj, inkl. la Esperantan.

## ILEI-konferenco en Kebekurbo

La 53-a Internacia Kongreso pri Esperanto kaj Edukado okazos en Kebekurbo de la la 25a de julio ĝis la 1a de aŭgusto 2020 kun komuna veturado al la 104-a UK en Montrealo poste. Malferma al ĉiuj kiuj interesiĝas pri la temo, eĉ se ne instruistoj aŭ kursgvidantoj.

## Komunistoj kunvenis

Komunistemuloj kunvenis en salono Leivo-Larsson je 14.30. Disvolviĝis intelekta kunfluo de spertoj el Ĉinio, Usono kaj eks-socialismaj ŝtatoj. Partoprenis ĉ. 20 kongresanoj.

Dieter Rooke, KN 184

## Verdula prelego pri plastaĵoj

La prelego de Manfred Westermayer pri "Plastaĵoj en la akvosferoj" okazas je ĵaudo, 13:30 (Lapenna). Mi invitas vin partopreni, ĉar temas pri aktuala temo. En la kongreslibro mankas detaloj. Krom minaco al bestoj, grava afero estas adiciaj kemiaĵoj en la plastaĵoj por plibonigi aŭ krei iliajn utilajn ecojn. Kelkaj el tiuj agas simile kiel naturaj hormonoj, kaj ĝenas la organismon de homo aŭ de aliaj bestoj. Aliaj povas kaŭzi kanceron.

Vi povas legi pri tio en la retejo de AVE, Asocio de Verduloj Esperantistaj: www.verduloj.org > klaku al Dokumentoj > serĉu Akvo: tie vi trovos la prelegon (en Aŭgusto la aktualan version). Krome indas mencii ke AVE, la fakasocio de UEA pri ekologio, kunlaboras tutmonde kun la Verdaj Partioj, montras al ili la avantaĝojn de Esperanto kaj tradukas la plej gravajn dokumentojn de tiuj partioj en Esperanton. Parte vi trovas ilin sur la retejoj de la Verdaj Partioj, ekzemple je: www.globalgreens.org > serĉu "Esperanto". Por koreoj, japanoj kaj ĉinoj interese estas ke 2021 okazos la 4-a Tutmonda Kongreso de Global Greens en Seulo. AVE intencas partopreni kiel kutime, por montri Esperanton.

Manfred Westermayer, kn 524

## Financa Kunsido

Ĉu vi interesiĝas pri la financoj de UEA? Ĉu vi havas ideojn kiujn vi volas kunhavigi? La financa komisiono de UEA volas renkonti vin! UEA estas via asocio, kaj viaj ideoj kaj kontribuoj tre gravas!

Venu vendredon al Hodler (centro de la stadiono), 14:30 - 16:00

La Komisiono pri Financo de UEA
Renato Corsetti KN 23
Ben Indestege KN 776
Francesco Maurelli KN 359

**Legantoj kaj aĉetantoj! Nia Libro de la Tago!**

*La danĝera lingvo,* libro de la historiisto Ulrich Lins, raportas pri dolorplena periodo en la historio de Esperanto sub la rego de Hitler kaj Stalin. Aŭtoritata, konvinka, detale esplorita, ĝi meritas vian atenton. Aĉetu ĝin en la Libroservo!

## *Kielipalsta* – La lingva kolono

Kiel prezenti sin?

**Mi-nä o-len... :** Mi estas...
Oni uzas la saman frazon por prezenti sian nomon kaj profesion aŭ hobion.
**...es-pe-ran-tis-ti :** ...esperantisto
**...pos-ti-merk-kien ke-räi-li-jä :** ..filatelisto

El kiu lando oni venas?

**Tu-len... :** Mi venas el...
**...Ruot-sis-ta :** ...Svedio
**...Sak-sas-ta :** ...Germanio
**...Rans-kas-ta :** ...Francio
**...Bra-si-li-as-ta :** ...Brazilo
**...Kii-nas-ta :** ...Ĉinio

Aliaj utilaj frazoj

**An-teek-si :** Pardonu
**Ei se mi-tään :** Ne gravas/ne necesas pardonpeti

**Mitä kuu-luu? :** Kiel vi fartas?
**Ter-ve-tu-lo-a :** Bonvenon

**O-li haus-ka ta-va-ta :** Estis agrable renkonti vin

**Ol-kaa hy-vä :** Bonvolu
Notu, ke oni diras tion nur, kiam oni donas ion. En aliaj okazoj oni diras nenion.

## Verku per facila lingvaĵo

Ĉu vi scias, ke ekzistas nova retejo verkita per facila lingvaĵo por lernantoj? Ĝia nomo estas *uea.facila*, ĝi estas trovebla ĉe https://uea.facila.org, kaj ĝi enhavas facillingvajn artikolojn pri UEA kaj la Esperanto-movado, ankaŭ pli ĝeneralajn legomaterialojn.

Anna Löwenstein prezentis tiun retejon al kvardeko da homoj, lundon je 9h00 en salono Lapenna. Ŝi ankaŭ invitis la ĉeestantojn mem reverki kaj simpligi artikolon por ke ĝi estu taŭga por lernantoj.

Ĉu vi deziras mem kontribui al tiu retejo per Esperantaj novaĵoj, prezento de via asocio, anonco pri estonta kunveno, legomaterialo aŭ aliaj? Anna tre volonte ricevos vian kontribuon post la UK. Se vi ne kapablas verki per simpla lingvaĵo, tamen sendu la artikolon, kaj ŝi mem simpligos ĝin. Kontaktu ŝin rete aŭ dum la UK por ricevi ekzempleron de la vortlisto.

Anna Löwenstein KN 695

## El Esperanto-historio de Lahtio

La unuaj esperantistoj de Lahtio estis konataj finnlandaj pioniroj de Esperanto, Gustav Ramstedt, kiu estis instruisto de la rusa kaj sveda lingvoj en loka lernejo de 1903 ĝis 1913, kaj kiu estis membro de la urba deputitaro 1912-1914. Post la sendependiĝo de Finnlando Ramstedt fariĝis ambasadoro de Finnlando en Japanio kaj li forlasis Lahtion. Alia frutempa aktivulo estas Werner Anttila, kiu estis lahtiano kaj estis estrara membro de la landa asocio kaj eldonis unuajn lernolibrojn de Esperanto en la finna lingvo.

En 1913 estis fondita Esperantista Societo de Lahtio, pri kies agado ne troviĝas informoj. Tamen funkciis kursoj kaj en 1918 en Lahtio estis naŭ abonantoj de la gazeto *Esperanta Finnlando*.

En 1938 estis fondita Laborista Esperanto-klubo Stelo de Lahtio, kiu tuj ekhavis 28 membrojn kaj en 1941 jam 55 membrojn. Post la milito, kiam komunista agado denove estis permesita, la esperanto-klubo donacis monsumojn al elektokampanjo de maldekstra Finnlanda popoldemokrata ligo kaj pruntepreniš monon al la komunista partio por aĉeto de presilo. La agado de la laborista Esperanto-klubo finiĝis proksimume en la jaro 1947. Daŭrigota.

Julkaisija: Suomen Esperantoliitto ry.

# LA SALTEJO



**Kongresa Kuriero de la 104-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Ĵaŭdon, la 25-an de julio 2019** **n-ro 5**



Redaktas: Jukka Pietiläinen kongresakuriero2019@gmail.com


## Programŝanĝoj ĵaŭde

Komence de la Komitata forumo pri Kunordigo, ĵaŭdo 25 je 9:00, en Hodler, estos prezento de la kunlabora projekto de TEJO-UEA pri plena modernigo de la komputikaj sistemoj de UEA kaj TEJO.

Nova programero: Parolu Plu kunsido 2, ĵaŭdo 11h00-12h00, en salono Anttila

Ĵaŭdo 14h30-15h45, Filmo: Reĝino de serpentoj, Leivo-Larsson {horŝanĝo}

Se vi deziras pludiskuti - post la tradicia kunveno okazinta en mardo sub la gvido de Humphrey Tonkin - pri la perspektivoj rilataj al la agado de niaj organizoj ĉe UN kaj UNESKO, nepre partoprenu kompletigan kunsidon okazontan hodiaŭ, ĵaŭdon la 25an, en salono Lapenna (15h15-16h15).

Ĵaŭdo 15h30-16h15, Greziljono: Kulturdomo de Esperanto, Setälä {NOVA}

Ĵaŭdo 16h15-18h00, Akademio de Esperanto – publika, Leivo-Larsson {horŝanĝo}

Oficiala foto de kongresanoj (fotis: Jonathan Phileas)

## Junulara konkurso pri publika parolado

Por substreki la kernan rolon de publika parolado kaj ene kaj ekster nia movado, ĉi-jare gejunuloj ĝis 35 jaroj aliĝintaj al la kongreso estas invititaj partopreni la Junularan Konkurson pri Publika Parolado dum la 104-a Universala Kongreso en Lahti.

1. Klasika provo: 5-7 minuta parolado pri antaŭdifinita temo, elektota de ĉiu konkursanto inter la jenaj:
a. Vivanta naturo, floranta kulturo
b. Teknologia moderniĝo kaj indiĝenaj popoloj
c. Asocioj: kiu rolo restas por ili en individuisma mondo?

2. Improvizadprovo: 3-5-minuta parolado pri temo lotumita dum la konkurso

3. Oratora duelo: 3-5-minuta argumentado subtene al starpunkto, kontraŭ subtenanto de kontraŭa tezo. La temoj estos lotumitaj dum la konkurso.

Senpaga aliĝo (1-a aliĝperiodo) por unu el la venontaj UK aŭ IJK, aĉetkuponoj elspezeblaj en la Libroservo de UEA kaj aliaj premioj atendas la plej brilajn junajn parolantojn.

Aliĝu ĉe la TEJO-budo apud la kongresa akceptejo!

Sara Spanò - KN 50

## La kastelo de Grezijono

bonvenigas vin la 25an de aŭgusto 15h30-16h15: Grezijono: kulturdomo de Esperanto en salono Setälä.

La informo ne estas en la papera programo, do atentu pri tio. Ni invitas vin proponi ideojn por krei pli da esperantaj agoj en la kulturdomo de esperantistoj. Ĉiu esperantisto povas organizi aŭ partopreni al niaj programoj sed ni dezirus uzi pli la kastelon por Esperanto kompreneble. Bonvenon al ĉiuj!

## Konatiĝu kun la forumo

Esenca rimedo por kunlaboro estas la ebleco facile komuniki pri specifaj temoj kaj projektoj. Tial UEA lanĉas oficialan forumon per kiu estraranoj, komitatanoj, komisionoj, fakaj asocioj kaj membroj de UEA povos debati kaj kunlabori cele al konkreta agado en la retejo forumo.uea.org. Konatiĝu kun la forumo dum la **Komitata Forumo: Komunumo**, ĵaŭdo je 16:00 en Hodler.

## Ĉu ene de dek jaroj?

Al la aserto ”Ene de dek jaroj Esperanto estos la plej parolata lingvo de la mondo”, la plejparto de ni opinias ke ”Tio preskaŭ certe ne okazos”. Multaj el ni esperas ke ĝi okazos post jardekoj aŭ post jarcentoj, sed ”ene de dek jaroj”, tute ne eblas.

David Yaki, fondinto de Esperanto Antaŭen, tiel opiniis antaŭ unu jaro. Sed li trovis ideon pri kiu li eksperimentis kun bonaj rezultoj. Li prezentos, kion li faris kaj la atingitajn rezultojn. Li esperas, ke post la prezento ankaŭ vi ŝanĝu vian opinion de ”preskaŭ ĉerte ne okazos” al ”eble okazos”.

Ne maltrafu tiun interesan prezenton ĵaŭdon je la 17a en la salono Setälä!

## Interesa antaŭkongreso

Pasintsemajne - ekde la 16-a ĝis la 20-a de julio okazis en Helsinki la antaŭkongreso A1. La programo estis vere abunda kaj interesa. Ni vidis la plej gravajn kaj interesajn lokojn kaj objektojn de la ĉefurbo. Per pramŝipo ni atingis la insulon Suomenlinna, fortikaĵo konstruita fine de la 18-a jarcento, kiu protektis la landon; ĝi troviĝas en la listo de Unesko kiel Monda Heredaĵo.

Survoje al Espoo, la dua plej granda urbo de la lando, ni vizitis la Sibelius-monumenton. Ne mankis krozado per la vaporŝipo J.L. Runeberg ĝis la mezepoka urbeto Porvoo, lunĉo surŝipe, pieda konatiĝo kun la urbeto kaj busa reveno al Helsinki.

La antaŭkongreson ĝuis 13 partoprenantoj el Usono, Brazilo, Aŭstralio, Japanio, Francio, Germanio, Svedio, Italio. Ĉiutage gvidis nin s-ano Sakari Kauppinen; al li estu danko por bonega programo, interesaj informoj, neforgesebla travivaĵo. Ni multe sciiĝis kaj pri la unuopaj lokoj, kiujn ni vizitis kaj pri la lando. Ankaŭ la vetero daŭris belega.

Jitka Skalicka - KN 99

## Legantoj kaj aĉetantoj! Konu la movadon!

Se vi konfuziĝas inter famaj esperantistoj, vi evidente ne posedas la verkon *Nia diligenta kolegaro* de Halina Gorecka kaj Aleksander Korĵenkov, kiu donas biografiojn de konataj praktikantoj de la Internacia Lingvo. Aĉetu ĝin ĉe la Libroservo!

# Aŭkcio vendredon en Hodler

**Zamenhofa raraĵo: Venu aĉeti!**

*The Christian Commonwealth,* 3 septembro 1913, revuo kun intervjuo kun d-ro Zamenhof "The Strife of Tongues", plus tradukoj de Abdu' l-Bahá (pri Esperanto) kaj Abdul Bah Abbas en la anglan, kun la originalo en la persa. Tre rara.

**Originala letero el la Ido-skismo: Venu aĉeti!**

Originala letero (franclingva) de Carlo Bourlet (1866-1913), prezidanto de la Pariza Esperanto-Grupo, de 6 junio 1908, kun informo, ke aperos gramatiko de Ido de Beaufront: "Enfin le gaillard se démasque" (Finfine la ulo sin senmaskigas!).

**Raraĵo de la frua E-movado: Venu aĉeti!**

Poŝtkarto karikatura pri René de Saussure, ano de la Organiza Komitato de la 9-a Universala Kongreso (Berno, 1913), inventinto de la spesmilo, esploranto pri vortfarado.

**Rara soveta poŝtmarko: Venu aĉeti!**

Poŝtmarko, Sovetunio, 1927, kvardeka jubileo de Esperanto, kun bildo de Zamenhof, verda, 1 kopeko.

**"Carte pneumatique" de Louis de Beaufront al C. A. Laisant, de 17 januaro 1906 (?).**

Charles-Ange Laisant 1841-1920 estis politikisto kaj matematikisto, prezidanto de la Franca Asocio por Antaŭenigo de Scienco 1903-04, kaj esperantisto.

**Esperanto-poŝtmarko el Aŭstrio: Venu aĉeti!**

Poŝtmarko, Aŭstrio, 1949, honore al Esperanto, 20 groŝoj.

**Rara Esperanto-poŝtmarko el Brazilo: Venu aĉeti!**

Poŝtmarko okaze de la Deka Brazila Kongreso de Esperanto, Rio de Janeiro, aprilo 1945, 40 cts.

**Jarkolekto de la Revuo 1917: Venu aĉeti!**

Jaro de la morto de Zamenhof, kaj de la finaj luktoj de la Dua Mondmilito, tiu ĉi kolekto de la Revuo *Esperanto* proponas unikan enrigardon de la historio de nia lingvo antaŭ unu jarcento.

**T-ĉemizo Seula: Venu aĉeti!**

Ĉu vi ĉeestis la Universalan Kongreson en Seulo? Se ne, jen unika okazo tamen aĉeti al T-ĉemizon!!!

**Venu al la Aŭkcio vendredon!**

Tie vi povos aĉeti librojn, Esperanto-poŝtmarkojn, fruajn originalajn leterojn de niaj pioniroj, kaj amason da aliaj aferoj seriozaj kaj malseriozaj! Aparte atentindaj estas pluraj fotoj ktp. el la Universala Kongreso 1911 (Antverpeno) kaj materialo el aliaj fruaj UK-oj. Aŭkcios Humphrey Tonkin.

**Celo de la Aŭkcio**

La mono kolektita ĉe la Aŭkcio vendredon posttagmeze (Salono Hodler, 16h30, **loko ŝanĝita**) estos uzata por fortigi la agadon ĉe Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko. La jaro 2020 markos la 75-an datrevenon de la fondiĝo de UN. La 75-jariĝo ricevos apartan atenton en la venontjara UK en Montrealo.

# TEVA-budo kaj -kunsido

Dum la Movada Foiro, pluraj personoj aliĝis al la komuna manĝo kiu okazos merkrede. Estis ankaŭ ebleco preni semojn de diversspecaj plantoj kontraŭ donaco aŭ aliaj semoj (daŭre eblas ĉe la raportinto, alparolu ŝin).

Pli frue ol kutime, jam en dimanĉo, estis programita la kunsido de TEVA. Dum la teknikisto alportis kablon kaj taŭgan projekciilon, prof. So Gilsu (KR) parolis pri sia vivstilo, interalie pri tio, ke li jam de 8 jaroj kutime manĝas krude (kaj vegane).

Poste Heidi Goes (BE) mallonge prezentis la nomojn de la nova estraro de TEVA kaj atentigis pri la renovigita retejo (www.vegetarismo.info).

Sekvis prelegeto pri arbarĝardenoj kaj permakulturo. Post ĉiu el la prezentoj sekvis pluraj demandoj el la publiko, kiu konsistis el 25-30 personoj.

Heidi Goes (KN186)

# Ĵurnalistoj kunvenis

Fakkunveno de ĵurnalistoj okazis marde je 9h00. La prezidanto Alfred Schubert malfermis la kunvenon kaj prezentis la financan raporton pozitivan kaj la staton de la membraro. Vigle diskutis la ĉeestantoj pri la novaj amatoraj video-blogistoj kaj kvalita profesia ĵurnalismo. En Litovio E-ĵurnalistoj regule kunvenas seminarie.

Dieter Rooke – KN 184

## Tago de la Lernado: abunda trarigardo tra la ILEI-vivo

Marija Belosevic, kiu zorgeme preparis la tutan programon, faris la unuan raporton pri la jaroj komence de la 20-a jarcento. Sekvis prezentoj de la historio tra diversaj landoj: Renato Corsetti pri Italio, Duncan Charters pri Usono kaj Ilona Koutny (per skajpo) pri Hungario.

De Ilona Koutny ni aŭdis la anoncon, ke unujara lertigado de instruistoj komenciĝos meze de septembro 2019 en Poznan, Pollando, kaj ke tiu eblo estos la lasta. Pro tio ŝi alvokas, ke ni pripensu pri aliaj solvoj, aliaj gvidantoj kaj aliaj lokoj. Esplorenda afero.

Ni tro ofte koncentriĝas sur instruado en klasoj, tamen ni devas prepari materialojn por eksterklasa lernado, memlernado, en plej diversaj lokoj kaj per plej diversaj manieroj kaj rimedoj. Nia kreemo devas kreski. Aldone al tio Mireille Grosjean priskribis la eksecon de nia logotipo, kiu rilatas al malnova maniero instrui. Iam ni trovu pli trafan bildon. Al malfermitaj originalaj metodoj gvidis nin Monika Molnar en sia prezento de la metodo laŭ Freinet.

ILEI kaj edukado.net estas aliancanoj; Katalin Kovats substrekis tion kaj montris, kiom edukado.net provizas la instruistojn per plej diversaj iloj, ekzercoj, tekstoj, filmoj, biografioj, k.s. ILEI estas demokrata strukturo pli peza, sed ebligas kontaktojn kun internaciaj instancoj kiel UNESKO.

UNESKO estis la temo de François Lo Jacomo, ILEI kaj UNESKO tra la jaroj. La publiko povis malkovri la laboron de la reprezentantoj de UEA kaj de la observantoj de ILEI ĉe tiu tutmonda instanco.

Danke al la precizaj kaj koncizaj diroj de Sylvia Hämäläinen la publiko eksciis pri la instrusistemo de Finnlando.

En debata fazo Mireille Grosjean prezentis la sistemon de ALTE, la Asocio de Lingvaj Testistoj de Eŭropo: priskribo de niveloj en la kapableco instrui T1, T2 kaj T3, kiuj iom similas al niaj konataj niveloj A1, A2, B1, B2, C1 de KER, la Komuna Eŭropa Referenckadro pri lingvoj. La intenco de ILEI krei la programon ”Flugiloj de interkultura vento” povus kongrui kun T1: enkonduko en pedagion, por junuloj entuziasmaj, kiuj ne povas atendi por komenci instrui.

Alia anonco koncernis la programon UNU LECIONO PRI ESPERANTO POR ĈIU LERNEJANO, kiu aperas en la paĝaro de ILEI www.ilei.info sub Agado kaj poste Projektoj. Tiu UNU leciono povas esti prezentita de iu persono, ne nepre esperantisto. Ĉiuj dokumentoj aperas en la paĝaro en eo kaj fr, aliaj lingvoj baldaŭ venos.

Alia anonco koncernis la planitan novan eldonon de ”Tendaraj Tagoj” la unua kajero, kiu ebligos vendon de la du volumoj kune, ĉar restas granda stoko de la dua kajero.

La prezidantino arde sugestis, ke la ĉeestantoj legu la organon de ILEI, ”Internacia Pedagogia Revuo”; fakto estas, ke iu ne malnova atako sur la reto pruvis, ke ĝia aŭtoro ne legis pri sukcesaj kursoj, tamen IPR regule prezentas ilin. . . .

Konklude la organizantoj bedaŭras, ke la situo de la salono por tiu kunveno estis ekstere malfacile trovebla, kaj ke pro tio ne multaj personoj povis atingi la eventon.

Mireille Grosjean KN 342

## Kunsido de kristanoj

Dum la dua kongresa tago, dimanĉon posttagmeze okazis la kunsido de la membroj de Internacia Katolika UNuiĝo Esperantista kaj Kristana Esperantista Ligo Internacia.

La kunsidon gvidis la prezidantino de IKUE, Marija Belošević. Ŝi prezentis la agadon de IKUE kaj KELI, kun aparta atento pri la pasintjara ekumena kongreso kiu okazis en festa etoso. En la jaro 1968 okazis la unua ekumena E-kongreso.

La ĉeestantoj havis eblecon ankaŭ aŭdi novaĵojn ĉefe pri IKUE, kiu nun estas survoje al la jubilea jaro. Venontjare IKUE celebros 110 jarojn de sia ekzisto.

Estis prezentitaj ankaŭ planoj por la Ekumena diservo dum la venontjara UK en Montrealo, kaj plano de IKUE okazigi kelktagan renkontiĝon por katolikaj esperantistoj.

Ĉe la fino de la kunsido oni provis kantojn por la Ekumena diservo kiu okazos vendredon posttagmeze je la 16a horo en la preĝejo Ristinkirkko, Kirkkokatu 2.

Marija Belošević, kn. 137

Julkaisija: Suomen Esperantoliitto ry.

# LA SALTEJO



Kongresa Kuriero de la 104-a Universala Kongreso de Esperanto

**Vendredon, la 26-an de julio 2019** **n-ro 6**

Redaktas: Jukka Pietiläinen kongresakuriero2019@gmail.com

## Programŝanĝoj vendrede

Vendredo 10h30-12h00, Vinilkosmo diskutrondo - Onta fermo de Vinilkosmo: novaj defioj por retaliro al E-muziko, Setälä {NOVA}

Notu, ke la programeroj **Aŭkcio** kaj **Venontaj Kongresaj** okazos en salono **Hodler**.

Venontaj Kongresoj, 15h00-16h00 en salono Hodler.

Aŭkcio 16h30-18h00 en salono Hodler.

Ekstra **finna ekspresе** okazos vendrede je la 10h30 en salono **Vilkki** en la lernejo Salpaus.

## Atentu la orgenkoncerton

Okazos orgenkoncerto en preĝejo Ristin kirkko, vendrede (hodiaŭ). Adreso: Kirkkokatu 4. Koncertos Adriano Falcioni el Italio.

La koncerto komenciĝos je la 14-a horo. Nuliĝis komuna konatiĝo kun la preĝejo antaŭ la koncerto; okazos nur mallonga prezento je la 14-a horo kaj post tio komenciĝos la koncerto.

Enirbileto kostas 10 eŭrojn, eblas pagi aŭ kontante aŭ per karto.

## Financa Kunsido

Ĉu vi interesiĝas pri la financoj de UEA? Ĉu vi havas ideojn kiujn vi volas kunhavigi? La financa komisiono de UEA volas renkonti vin! UEA estas via asocio, kaj viaj ideoj kaj kontribuoj tre gravas!

Venu vendredon ĉe Leivo-Larsson, 14h30 - 16h00 (notu: loko malsama ol en La Saltejo 5).

La Komisiono pri Financo de UEA
Renato Corsetti KN 23
Ben Indestege KN 776
Francesco Maurelli KN 359

## E-teamo gajnis futbalmatĉon

Ĵaŭde okazis la jam tradicia futbalmatĉo inter Esperanto-teamo kaj loka futbala teamo. Ĉi-jare gajnis esperanta teamo. La loka teamo estis *Tiinan tiikerit*. Ambaŭ teamoj estis sekse miksitaj. La rezulto estis 5-2.

Ni elkore dankas s-inon Clara Bracke, el Belgio, por la ĵus ricevita mondonaco al la futbalmatĉo de la 104-a UK!

## Kion vi povas fari por UEA?

Komence de aprilo 2019 pasis la 60-jariĝo de la unua profesia E-Redakcio, tiu de Pola Radio. Ĝiajn tradiciojn de 11 jaroj daŭrigas Pola RetRadio en Esperanto. La Lahtia UK signas tiel la 60-jariĝon de la prikongresa raportado inaŭgurita en 1959. Pri tio en la komenco de la renkontiĝo de AERA informis Barbara Pietrzak. La renkontiĝo kun kvindekdeko da aŭskultantoj kaj radioamikoj alprenis la formon de dialogo inter reprezentanto de Pola RetRadio kaj de la podkasto Kern.punkto.info, Johannes Mueller. Ĝi i.a. traktis la informan priservadon de la E-komunumo per informoj kaj raportoj ligitaj kun la funkciado de UEA.

Pola RetRadio (www.pola-retradio.org) daŭrigas informlaboron serve al UEA al forestantaj en Lahtio esperantistoj ankaŭ dum la 104 UK. En ĝia retejo troviĝas jam kvin ĉirkaŭ 20-minutaj raportoj rekte elsenditaj el la kongresurbo. Krom la raportoj dum la kongresa semajno multaj rilataj sondokumentoj, intervjuoj aŭdiĝos en ĝiaj elsendoj dum la postkongresa periodo.

Red. Barbara Pietrzak

## Nefumantoj pri pulmkancero

TADEN (nefumantoj) kunsidis en Kavka marde ekde la 13-a horo. Kunvenis 7-opo el 4 landoj, nur nefumantoj. Unu el la sep konsilis alvoki ĝuste financajn konsciojn pri la neceso ĉesi fumi. La estrarano RM (37) menciis la averton de MOS (Monda Organizo por Sano) pri la danĝero de pulmkancero. Laŭ tio la Eŭropa komisiono urĝis siajn Ŝtatojn-Membrojn fari leĝojn por malstimuli fumadon kaj malakceptigi tiun kontaĝan konduton en la socio.

Ni ankaŭ diskutis pri elektronika cigaredo, unu el la temoj de jam fluparola d-rino Margareta Zaleski-Zamenhof. En Nederlando subministro pri sano ĝin malpermesis pro malfacila distingeblo kontraŭ vera cigaredo, sed ĉefe ĉar "vidi fumi igas fumi".

Centoj da ekzempleroj de la organo "Puraj Pulmoj" restas nedisdonitaj. Eblas mesaĝ-peti numeron de moerbeekr@gmail.com KN 37

## Ateistoj pri festoj

30-40 homoj partoprenis la kunvenon de ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo) mardon posttagmeze en salono Konisi. La temo estis "Festado por ateistoj", kaj oni diskutis, kiel festi la gravajn okazojn de la vivo (naskon, plenaĝiĝon, geedziĝon kaj morton /funebradon) en nereligia maniero.

Bernard Behra, Dieter Rooke, Anna Löwenstein kaj Probal Dasgupta enkondukis la temon per mallongaj prezentoj. Probal informis, ke fronte al simila demando en sia lerneja/universitata komunumo ekde 1900 la barata poeto-kantverkisto-eduknoviganto Tagore lanĉis laikajn festivalojn, nutrante ilin per komponaĵoj siaj; ili restas vivantaj kaj allogaj. Post tiu prezento ankaŭ la ĉeestantoj kontribuis per la propraj spertoj. La rezulto estis interesa kaj tre vigla kunveno.

Anna Löwenstein, KN 695

## AVE pri agrikulturo

La kunvenon de AVE - fakasocio de UEA pri ekologio - partoprenis 28 homoj; Vidu ankaŭ La Saltejo 4, p. 3.

Krom la agado kun Verdaj partioj ni subtenas kelkajn el la 17 celoj de UN por daŭripova evoluo. Temas pri subteno de evoluo-projektoj de afrikaj samideanoj (edukado, salubra trinkakvo, rearbarigo, ...).

Alia grava temo estis natur-afabla agrikulturo sen pesticidoj. La verdaj EU-parlamentanoj daŭre laboras ŝanĝi la subvencio-sistemon por agrikulturo, kiu nuntempe pagas ĉefe laŭ la areo. Tiel profitas agro-konzernoj. Sed necesas subteno laŭ kvalito: salubra nutraĵo, savi humuson kaj grundakvon, kaj vivteni naturan biodiversecon (insektoj, abeloj, birdoj, k.t.p..)

Ĉi-rilate Elizabeth prezentis peticion al la franca registaro malpermesi ĉiujn agropesticidojn > www.nousvoulonsdescoquelicots.org, aŭ de alia lando serĉu: pesticid .

Ĉi tiuj papavetoj estis tipa trudherbo en grenokampoj, bezonata de insektoj. Vizitu: verduloj.org

Manfred Westermayer, kn. 254

## Kalevala al Esperantujo

Esperanto-Asocio de Finnlando donacis ekzempleron de la finna nacia epopeo Kalevala al ĉiu kongresano.

Se vi volas kaj povas kunporti plia(j)n ekzemplero(j)n al via asocio, klubo, biblioteko (ankaŭ publika en via urbo) ni donos tiu(j)n ĉe la akceptejo. Por donaco, ne revendado. Kore EAF.

Tuomo Grundström – KN 63

## Falsaj Novaĵoj: Partoprenu en Studo kaj Spertiĝu

La Universitato de Kembriĝo lanĉis novan sciencan esploron pri falsaj novaĵoj. Unika estas ke Esperanto estas uzata kiel ĉefa lingvo por faciligi kulturan komparon. Por pruvi ke Esperanto utilas en la scienca mondo, ni bezonas pliajn partoprenantojn. Iru al www.Misinformado.net kaj partoprenu. Ĝi konsistas el 15-minuta ludo en kiu vi mem kreas falsajn novaĵojn, kaj dume spertiĝas. Pli da informoj:

mail@rakoen.be / KN 113

## Kongresa limeriko, versio 1

En Lahti abundis aranĝoj

Kaj ankaŭ ekskursoj kun manĝoj

En saŭna veter'.

Sed ĉefa afer':

Atenti pri la programŝanĝoj!

Otto Prytz, KN 880

# Intervjuo kun Global Voices-volontulino Manuela Burghelea



- Ĉu vi povas prezenti vin?

- Mi estas Manuela Burghelea, mi devenas de Rumanio, mi nuntempe estas TEJO-volontulo en la Centra Oficejo de UEA en Roterdamo kaj mi estas kunadministranto de Global Voices Esperanto (Tutmondaj Voĉoj). Kaj mi baldaŭ komencos doktoriĝon en Skotlando en la universitato de St Andrews.

- Kaj vi ankaŭ estis en alia lando en Eŭropo.

- Mi volontulis en la Esperanto-Kultur-Centro de Tuluzo kaj mi ankaŭ iomete esperantumis en Brazilo.

- Kiom da lingvoj vi parolas?

- Mia denaska lingvo estas la rumana. Mi studis la francan kaj la germanan en la universitato de Bukaresto. Nuntempe mi parolas Esperanton en la CO ĉiutage, sed antaŭe mi ankaŭ studis la hispanan kaj la anglan. Ekde septembro mi devos denove reveni al la angla.

- Kaj nun, bonvolu paroli pri Global Voices.

- Global Voices, aŭ Tutmondaj Voĉoj, estas civitana retejo kun novaĵoj el la tuta mondo, malpli aŭdataj en la internaciaj medioj. Ni ĉefe uzas rakontojn kiuj aperas en sociaj medioj por fari novaĵojn kaj ni tradukas en kvardekon da lingvoj, inkluzive de Esperanto. La projekto Global Voices komenciĝis en 2004 kaj la esperanta sekcio naskiĝis en 2013. Ĝi iĝis pli aktiva ĝuste tiun ĉi jaron ĉar Global Voices iĝis oficiala partnero de la Internacia Jaro de Indiĝenaj Lingvoj. Nia esperanta teamo ankaŭ partoprenas tiun ĉi kampanjon tradukante.

- Kiel eblas ke la novaĵoj aperu en Esperanto?

- Global Voices ne funkcias sen volontuloj, ĝi estas volontula retejo kaj ni bezonas kontribuantojn daŭre, ĉefe tradukistojn kaj provlegantojn kun bona scipovo de Esperanto. Vi povas aliĝi interrete. Vi povas elekti artikolojn kiujn vi ŝatus traduki, pri diversaj temoj: homaj rajtoj, naturmedio, indiĝenoj kaj interreta aktivismo, interalie.

- Al kiu la personoj povas turni sin se ili kapablas kaj pretas helpi al vi?

- Nia kontakto troviĝas ĉe nia retejo globalvoices.org. Esperanto estas unu el la kvardek lingvoj disponeblaj kaj unu el la plej viglaj lingvaj sekcioj de la retejo, pro tio ĝi videblas en la unua linio kun la plej viglaj sekcioj. Ni invitas vin konatiĝi kun nia retejo kaj niaj novaĵoj. Ĉe nia paĝo disponeblas reta aliĝilo, plenigu ĝin kaj unu el niaj administrantoj kontaktos vin.

Intervjuis: Mireille Grosjean, KN 342

## Novaj aliĝoj

914 Aleksandra Gabrilo, BR
915 Wong Zerlina
916 Jeffrey Li
917 Guo Xinyi, CN

## El Esperanto-historio de Lahtio

La nova Esperanto-klubo estis fondita en Lahtio en la jaro 1968. Entute 14 personoj partoprenis la fondan kunsidon kaj la agadon aktivigis la Universala Kongreso en Helsinko en 1968. En la agado de la klubo partoprenis entute 61 personoj. En la 1970-aj jaroj la membronombro estis 32, kaj la meza aĝo estis 44 jaroj.

La klubo organizis plurajn kursojn, eĉ en la plej grandaj laborlokoj. Klubanoj partoprenis aktive vojaĝojn al la kongresoj kaj vizitojn al ĝemelurboj. Ankaŭ la urbo subtenis finance la agadon. En 1988, por la 20-jara festo de la klubo, venis esperantistoj el multaj landoj, eĉ el la Sovetunia ĝemelurbo Zaporiĵo.

La intereso al Esperanto komencis malkreski en la 1980-aj jaroj. Post 1989 ne plu okazis kursoj en institucia nivelo. Dum la preparlaboroj por la UK en Tampereo en 1995 estis organizita tri preparseminarioj en Lahtio. La klubo estis formale malfondita en la jaro 2007, kiam la membronombro falis ĝis 15.

JP

# Foto-ekspozicio Kroatio: La lando de mirinda naturo

Dum la antaŭaj du kongresoj *Kroata Esperantista Unuiĝo* dum la Universalaj kongresoj prezentis ekspozicion, kiu teme rilatis al la kroata kultura havaĵo en la listoj de UNESKO.

Normale, temis pri la fotoj, kiujn faris la membroj de KEU.

Ĉi-jara UK teme ligiĝas al la naturo kaj kulturo. Tial ni decidis pretigi novan ekspozicion, per kiu oni montros la mirindan naturon de Kroatio.

Al la ekspozicio kontribuis naŭ membroj de KEU. Iuj motivoj estas vaste konataj, ekz. la Lagoj de Plitvice. Unu el la aŭtoroj elektis iom nekutimajn motivojn, la vintrajn. Pluraj fotoj montras la maron, ĉar Kroatio estas konata pro ĝi. Sed ne mankas la verdaĵoj de Slavonio. Fakte, la motivoj estas de Istrio en okcidento ĝis Slavonio en oriento, de Zagrebo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo en la nordo ĝis Dalmatio en la sudo.

Por la aŭtoroj ĉiu foto alportas apartan rakonton, rememorojn kaj por vi esperéble ĝuon.

La ekspozicio kiel tuto donas nekutiman bildon pri la lando, por kiu vi certe konkludos ke temas pri lando de mirinda naturo kiun indas viziti! Bonvenon!

Elekto kaj aranĝo: *Marija* ***BELOŠEVIĆ (kn 137).***

Aŭtoroj de la fotoj estas membroj de la Kroata Esperantista Unuiĝo: *Krešimir* ***Belošević,*** *Marija* ***Belošević,*** *Ratimir* ***Delorko,*** *Vera* ***Fabris,*** *Željko* ***Grganić,*** *Ivica* ***Jurišić,*** *Vedran* ***Odeljan,*** *Gordana* ***Plavšić I,*** *Jelica* ***Stipanićev Mustapić.***

Loko: enira halo

# Legantoj kaj aĉetantoj! Fundamenta rekomendo!

Por la esperantisto kiu jam aĉetis ĉiujn ne kutimajn librojn – kaj por la esperantisto kiu eĉ ne posedas Esperanto-libron, ni aliĝas al la propono de esperantologo André Cherpillod: "Legu la *Fundamenton***.** Tiel multaj estas la esperantistoj, kiuj ne konas ĝin... Eĉ ĉe la akademianoj..." Jen granda defio! Rapidu al la Libroservo kaj aĉetu tiun Zamenhofan verkon en eldono redaktita de akademiano André Albault (2007).

# Kielinurkka – Lingva angulo

Kiom da?

*Ha-lu-ai-sin... :* Mi volus havi...
*...yh-den kah-vin, kii-tos :* ...unu kafon, bonvolu
*...kak-si kir-jaa, kiitos :* ...du librojn, bonvolu
*...kol-me kas-si-a... :* ...tri sakojn...
*...nel-jä o-lut-ta...* : ...kvar bierojn...
*...vii-si pul-la-a...* : ...kvin bulkojn...
*...kuu-si pul-lo-a lim-saa...* : ...ses botelojn da refreŝigaĵoj (trinkaĵoj)...
*...seit-se-män pa-ket-ti-a kek-se-jä...* : ...sep paketojn da biskvitoj...
*...kah-dek-san ky-nä-ä...* : ...ok skribilojn... (plumojn aŭ krajonojn)
*...yh-dek-sän ys-tä-vä-ä...* : ...naŭ amikojn...
*...kym-me-nen eu-ro-a...* : ...dek eŭrojn...

Kiom kostas?
*Leipä mak-saa kaksi euroa* : La pano kostas du eŭrojn.
*Juus-to maksaa neljä vii-si-kym-men-tä* : La fromaĝo kostas kvar (eŭrojn) kvindek (cendojn)

Notu, ke en la finna ekzistas neniu artikolo (same kiel ekzemple en la pola), plej ofte la kunteksto sufiĉas. Kiam oni parolas pri prezoj, oni ofte forlasas vortojn "eŭrojn" kaj "cendojn" kaj anstataŭe havas mallongan paŭzon inter la du nombroj.

Montraj pronomoj

Se oni devas precizigi pri kiu objekto temas, oni uzas montrajn pronomojn, tabelvortojn. La finna havas sistemon kun tri distancoj same kiel ekzemple la japana.

*Tä-mä olut mais-tuu hy-väl-tä :* Ĉi tiu biero bongustas (la biero estas ĉe mi)
*Tuo sii-de-ri ei ol-lut hyvää* : Tiu cidro ne bongustis (la cidro estas ĉe ci aŭ vi)
*Se on väärä ovi* : Ĝi estas malĝusta pordo (la pordo estas nek ĉe mi nek ĉe ci aŭ vi, alie)
*Nä-mä ovat vii-mei-set kap-pa-leet* : Ĉi tiuj estas la lastaj ekzempleroj (ĉe mi)
*Nuo so-pi-vat mai-ni-os-ti* : Tiuj estas tre taŭgaj aŭ tiuj vestaĵoj bone sidas (ĉe ci aŭ vi).

Notu, ke la vorto por pantalono, "*hou-sut*", ĉiam estas plurala kaj ĉi tial oni uzas pluralan formon de la montra pronomo.
*Ne ovat ihanat!* : Ili estas ĉarmaj aŭ belegaj! (alie)

Julkaisija: Suomen Esperantoliitto ry.

# LA SALTEJO



Kongresa Kuriero de la 104-a Universala Kongreso de Esperanto

**Sabaton, la 27-an de julio 2019** **n-ro 7**

Redaktas: Jukka Pietiläinen

## REZOLUCIO de la 104-a Universala Kongreso de Esperanto en Lahtio, Finnlando

La 104-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Lahtio de la 20-a ĝis la 27-a de julio 2019, kun 917 partoprenintoj el 57 landoj,

traktinte la kongresan temon ”Vivanta naturo – floranta kulturo”, en tri kongrestemaj sesioj, pluraj prelegoj, kaj diversaj aliaj kunvenoj kaj ekskursoj en la regiono de Lahtio;

notante la kongruecon de la temo kun la lastatempa nomumo de Lahtio kiel Verda Ĉefurbo de Eŭropo por 2021;

substrekante la ligitecon de la temo kun la Internacia Jaro de Indiĝenaj Lingvoj, proklamita de Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko por la jaro 2019;

deklaras, ke daŭripova naturo akompanas daŭripovan socion kaj daŭripova socio akompanas egalecan pritrakton de la homoj, ankaŭ rilate lingvon;

avertas, ke la nunaj procezoj de ekonomia tutmondiĝo egale minacas la daŭripovon de kultura diverseco kaj biologia diverseco;

substrekas, ke la Esperanto-movado, kiel movado por alispeca tutmondiĝo bazita sur respekto kaj valorigo de lingva kaj kultura diverseco, estas samtempe movado por daŭripova evoluigo en vasta senco;

atentigas, ke multaj individuoj kaj organizoj en la Esperanto-movado jam aktive laboras por pli ekvilibraj rilatoj inter naturo kaj kulturo, interalie agadoj por interkultura edukado, interhoma solidareco, kaj subteno al lokaj iniciatoj por daŭripova evoluigo; kaj

alvokas por interproksimiĝo kaj kunlaboro inter la Esperanto-movado kaj aliaj organizoj kaj movadoj por la protektado kaj evoluigo de lokaj kulturoj kaj naturmedioj en monda skalo.

## La nova estraro de UEA dividis siajn taskojn

En sia kunsido dum la 104-a Universala Kongreso, la Komitato de UEA elektis novan Estraron por gvidi la Asocion dum la venonta trijara periodo.

Kun la ĉeesto de 35 Komitatanoj A, reprezentantaj la aliĝintajn landajn kaj fakajn asociojn, kaj 5 Komitatanoj B, elektitaj de la individuaj membroj, la Komitato kompletigis sin per la elekto de 9 Komitatanoj C: Duncan Charters, Andreas Diemel, Mark Fettes, Trezoro Huang Yinbao, Dennis Keefe, Zsofia Kóródy, François Lo Jacomo, Stefan MacGill kaj Rakoen Maertens.

La taskodivido kundecidita de la Estraro dum sia merkreda kunsido estas la jena:

Prezidanto: Duncan CHARTERS - Kunordigo, Strategio, Instruado, Rilatoj kun ILEI

Vicprezidanto: Fernando Jorge PEDROSA MAIA Jr - Centra Oficejo, Statuta Reformo, Eksteraj Rilatoj (krom Unesko), Ameriko, Rilatoj kun TEJO, Rilatoj kun Membro-Organizoj

Vicprezidanto: HUANG Yinbao (Trezoro) - Financoj, Unesko

Ĝenerala Sekretario: Aleks KADAR - Administrado, Ĝemelaj Urboj, Esperanto-Centroj, Eŭropo, Revuo Esperanto.

Orlando E. RAOLA - Kulturo, Kongresoj, Biblioteko, Eldonado, Esploro kaj Dokumentado, Terminologio.

Jérémie SABIYUMVA - Afriko, Aktivula Maturigo.

SO Jinsu - Azio, Oceanio, Informado kaj Amikoj de Esperanto.

Amri WANDEL - Scienca kaj Faka Agado, Meza Oriento kaj Norda Afriko

## Premiitoj de la 70-aj Belartaj Konkursoj de UEA

Okazis ĉi-ĵaŭdon, la 25-an de julio, en Salono Lapenna kadre de la 104-a Universala Kongreso en Lahtio, Finnlando, la premidisdono de la 70-aj Belartaj Konkursoj de UEA. Ĉi-jara eldono rekordis pri la nombro de partoprenintaj literaturaj verkoj, kun entute 171 verkoj el la 5 kontinentoj: Oceanio, Afriko, Azio, Eŭropo kaj Ameriko.

La rezulto estas jena:

BRANĈO PROZO: partoprenis 31 verkoj de 22 aŭtoroj el 15 landoj (3 el Azio, 2 el Ameriko, 10 el Eŭropo). Juĝkomisiono: Giulio Cappa, Tim Westover, Trevor Steele.

Tria premio: en egaleco al la verkoj “Fanjo”, de Ewa Grochowska el Francio, kaj “La plej granda tragedio”, de Ariel Bonkorpa el Britio.

Dua premio: al la verko “Venko de tempo”, de Christopher Lewis el Britio.

Unua premio: al la verko “La blua arbaro”, de Jesper Lykke Jacobsen el Francio.

SUBBRANĈO MIKRONOVELO: partoprenis 49 verkoj de 30 aŭtoroj el 19 landoj (2 el Oceanio, 6 el Azio, 16 el Ameriko, 25 el Eŭropo). Juĝkomisiono: Giulio Cappa, Tim Westover, Trevor Steele.

Unua premio, premio Paula Adúriz: al la verko “Verŝajne”, de Christian Rivière el Francio.

La juĝkomisiono trovas menciindaj jenajn verkojn: “Ŝafoj”, de Edmund Grimley el Britio, kaj “Terorrakonto”, de Paulo Sergio Viana el Brazilo.

BRANĈO TEATRAĴO: partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj. Juĝkomisiono: Wera Blanke, Serĝo Sir', Giuliano Turone.

Tria premio: al la verko “Tutkorajn bondezirojn malŝlosajn”, de Grupo de Esperantistoj de Francilio 2018-2019 el Francio.

La dua premio kaj la unua premio ne estis aljuĝitaj.

SUBBRANĈO MONOLOGO AŬ SKEĈO: partoprenis 6 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj. Juĝkomisiono: Wera Blanke, Serĝo Sir', Giuliano Turone.

Unua premio, premio María Cuevas: al la verko “Maldikigi vortaregojn!”, de Roman Dobrzyński el Pollando.

La juĝkomisiono trovas menciindaj jenajn verkojn: “Konfeso de murdunto”, de Asocio Esperanto-Grenoble el Francio, kaj “La tuta mondo estas teatro”, de Tatjana Auderskaja el Ukrainio.

BRANĈO ESEO: partoprenis 9 verkoj de 7 aŭtoroj el 7 landoj. Juĝkomisiono: Gotoo Hitoshi, Antonio Valén, Giridhar Rao.

Dua premio: al la eseo "Stereotipaj komparoj en Esperanto", verkita de Suso Moinhos el Hispanio.

Unua premio, premio Luigi Minnaja: al la eseo "Kodado en 'La kato en la sako', de Mason Stuttard", verkita ankaŭ de Suso Moinhos el Hispanio.

INFANLIBRO DE LA JARO: partoprenis 5 infanlibroj de 5 eldonejoj el 5 landoj. Juĝkomisiono: Edmund Grimley Evans, Ricardo Albert Reyna, James Rezende Piton

La premio ne estis aljuĝita.

BRANĈO POEZIO: Partoprenis 67 verkoj de 35 aŭtoroj el 22 landoj (12 el Azio, 1 el Afriko, 17 el Ameriko, 34 el Eŭropo). Juĝkomisiono: Krys Williams, Ĵak Le Puil, István Ertl.

Honoraj mencioj: al la poemoj “Knabo dum rifuĝado”, de Yida Wei (Vejdo) el Ĉinio, kaj “Revoluciulo”, de Tatjana Auderskaja el Ukrainio.

Tria premio: al la poemo “Tor fiŝkaptas”, de Evgenij Georgiev el Kazaĥio.

Dua premio: al la poemo “Terra Incognita”, de Evgenij Georgiev el Kazaĥio.

La unua premio ne estis aljuĝita.

## Aŭkcio

La tradicia aŭkcio kun la gvido de Humphrey Tonkin okazis vigle en la enirsalono vendrede posttagmeze. Komence la aŭkciaĵoj multe ne interesis aĉetantojn, ĉar nur malmultaj el ili superis 30 eŭrojn.

La plej valora tamen estis la kongresnumero 1 por la venontjara UK, kiu estis vendita je 650 eŭroj. Post tio la vendado vigliĝis kaj poste kelkaj el la prezoj kreskis eĉ super 100 eŭroj.

La aŭkcio entute rezultis ĉirkaŭ 2 700 eŭrojn.

## Fondiĝis asocio de teamantoj

Ĵaŭde okazis fondkunveno de nova faka asocio Teamanta Esperantista Organizo (TEO). Pli ol 40 kongresanoj ĉeestis. Nome de UEA la estrarano Orlando E. Raola salutis. Poste la organizantoj prezentis sin mem. Tuj poste Zhang Ping, nome de la organizantoj, konigis ĉefajn artikolojn de la STATUTO kaj starigis proponon pri estraranoj. Per aplaŭdoj la statuto kaj la estraro estis akceptitaj. Sekve la organizantoj resumis agadon dum la lastaj 5 jaroj, prezentis nunajn kaj estontajn programojn. Poste la ĉeestantoj estis informitaj pri kotizoj, bazitaj sur la novaj kategorioj de UEA.

Jam al TEO aliĝis 53 invidivuaj membroj el 28 landoj kaj 2 organizoj. Inter ili estas honora membro Margaret Zaleski Zamenhof, vicprez. de UEA Fernando Maia, estrarano de UEA Orlando E. Raola, muzikisto Jozef Haazen, teo-produkantoj el Ĉinio, ekz. produktanto de Teo Zamenhof, kaj verkistino Wang Xufeng, kiu monsubtenis du filmfestivalojn Teo kaj Amo.

Per komuna foto finiĝis la fondkunveno de TEO.

Se vi volas aliĝi, venu al la paĝo
https://svitavy.wufoo.com/forms/w79zau80maghb5/

Kontaktantoj:
Zhang Ping (Ĝoja) KN 324 perfectgoja@163.com
Olga Shiliaeva KN 679 lelka_shilyaeva@mail.ru

## La Akademio dankis al Renato Corsetti

Vi eble jam legis en la Letero de la Akademio (restas haveblaj ekzempleroj), ke ĉi-jare okazis elektoj en la Akademio de Esperanto. Unu el la planoj de la nova estraro estas pli regule informi la publikon pri la agado de la Akademio.

Per simbola donaco, la Akademio dankis al Renato Corsetti, kiu dum rekorda 21-jara periodo estis sekretario de la Akademio. La donaco estis libro pri la problemo de genroj en la franca lingvo, kaj precize pri la problemo de genroj en Esperanto la publiko faris du demandojn al la Akademio dum ĝia publika kunsido, ĵaŭdon posttagmeze. Renato Corsetti ja intencas plu agadi kaj en la Akademio, kaj en asocioj, interalie UEA.

François Lo Jacomo, nova sekretario de la Akademio

## Raportu pri la kongreso loke

Nia kongreso povas interesi amaskomunikilojn, kaj ili pli volonte raportas pri ĝi, se temas pri partoprenantoj el ilia regiono.

Povas esti interesa al la loka gazetaro la fakto, ke vi vojaĝis eksterlanden al internacia kongreso, kie preskaŭ milo da homoj el dekoj da landoj diskutis gravajn temojn, sen interpretado, en unusola lingvo komprenata de ĉiuj.

Reveninte hejmen kontaktu al via loka ĵurnalo, radiostacio aŭ televidprogramo. Rakontu pri via sperto el reala rendevuo pruvanta la vivantecon de la interkultura dialogo pere de Esperanto. Dividu viajn impresojn pri la eksterordinara rendevuo, dum kiu kun la sento de plena, reciproka lingva komforto vi povis alparoli ĉiun el pli ol 900 personoj el 57 landoj de la mondo. Ne forgesu montri viajn fotojn.

Pliaj informoj ĉe: www.gazetaro.org

Emilio Cid KN 44

## Kongresa poemo

En parko ombraj arboj verdfolias;

fontano ŝpruce plaŭde melodias;

la tempo tre trankvilas kaj Lahtias.

Jam antaŭ la forir' mi nostalgias.

Russ Williams KN 403

## Juristoj kunvenis

Ĵaŭde je la 25–a julio de 2019 debatis juristoj. En kunveno kiu havis raportan karakteron partoprenis membroj de Internacia Jurista Asocio kaj observis aliaj esperantistoj. La kunveno debatis pri malfermitaj pordoj. La kunveno aprobis raporton de la Prezidanto S-ro Miguel Faria de Bastos. Ni invitas juristojn aliĝi al IJEA. Sendu vian anoncon al la adreso: esperanto14@ono.com.

## Parkera kantado de la Espero

En plena salono Konisi ĉiuj kantis verve nian himnon. Brile sukcesis kvar kandidatoj akirante la atestilon de la societo Parkere kanti la himnon.

KN 184

## Propono filmi ĉion dum la UK

Ĉi-jare ne multe da esperantistoj filmis la diversajn programerojn de la UK. Mia plano estas, ke venontjare ĉio estu filmita.

Ĝis tiam, oni almenaŭ kolektu la faritajn filmojn por prezento en Jutubo. Kelkajn mi jam afiŝis en la jutuba kanalo de mia asocio Pangee NRO. Do mi povos sendi la ligojn se vi ne trovos ilin... al iu ajn, kiu deziros reklami en sia propra retejo.

La fina celo estos post ĉiu evento enretigi filmon, eĉ se ne profesian, filmitan per poŝtelefono. La plej bona kvalito estas pli bone kompreneble...

Se vi bezonos helpon, bonvolu kontakti min aŭ TEĴA (asocio de ĵurnalistoj: Alfred Schubert) kun kiu ni komencas kolekti la filmojn aŭ filmetojn.

Dankon al ĉiuj, kiuj pretos kontribui: dankos vin ankaŭ tiuj, kiuj ne povos ĉeesti UK kaj ĝuos viajn filmojn. Bonvolu sendi al mi viajn nomon kaj adreson, por ke mi povu kunordigi la aferon.

Nathalie Kesler = OH So Yun KN 630
Fondinto de pangeo (pangee.org)

## Eldonejo Esprima informas

José Roberto Tenório, brazila Esperantisto, nome Eldonejo Esprima, estis invitita de s-ino Claude Nourmont, respondeculino pri la programero "Libroj de la jaro", por montri la libretojn eldonitaj post la UK en Lisbono. Tamen pro koincido tiuj libroj ne povis esti prezentitaj en la programero Libroj de la Jaro. La libretoj aperintaj post la UK en Lisbono estas jenaj:

- Karlo - facila legolibro de Edmond Privat (septembro 2018)

- Hamleto - mondkonata dramverko de William Shakespeare laŭ traduko fare de L.L. Zamenhof (decembro 2018)

- Dom Casmurro - fama verko de la brazilano Machado de Assis laŭ traduko fare de Paulo S. Viana (marto 2019)

- Marta - 2-a eldono (unu-voluma) de la fama verko de la pola verkistino Eliza Orzeszko laŭ traduko fare de L.L. Zamenhof (marto 2019)

- Vortumo n-ro 1 - dua reviziita eldono de la krucenigmo tipe sagvorta kun nova litertipo.

Aparecida S. Araujo – KN 75

## La stratoj Ståhlberg kaj Svinhufvud

La ĉi-jaraj kongresejoj troviĝas en stratoj, kiuj estis nomitaj laŭ du fruaj finnlandaj prezidentoj. Svinhufvud, ĉe kies strato troviĝas la ĉefa kongresejo, estis prezidento de 1931-1937 kaj Ståhlberg, ĉe kies strato troviĝas la lernejo Salpaus, estis la unua prezidento de Finnlando (1919-1925), elektita de parlamento en jaro 1919, la 25-an de julio, do precize cent jarojn antaŭ la nuna kongreso.

## Tutlanda saŭno-tago hodiaŭ

La nacia radio- kaj televidkompanio Yle deklaris la hodiaŭan tagon la 27-an de julio tutlanda saŭnotago. Publikaj kaj privataj saŭnoj povas esti anoncitaj kaj eblas inviti fremdajn homojn por saŭnumi en sia hejma aŭ somerdometa saŭno. Jam pli ol 900 saŭnoj estas registritaj en la retejo. Reguloj pri tempo kaj aliaj kondiĉoj troviĝas en la retejo de Yle:

https://yle.fi/aihe/saunapaiva#section-287837

La instrukcioj kaj reguloj tamen troviĝas nur en la finna.

## Finnaĵoj ĉe la informejo

Esperanto-Asocio de Finnlando vendas ĉe la informejo en enirhalo diversajn aĵojn. Ni ekzemple havas belan kolekton da poŝtkartoj kaj ni instigas vin sendi salutojn el nia kongreso al viaj amikoj. Ni vendas ankaŭ poŝtmarkojn.

”Eta libro pri Finnlando” estas libreto kun buntaj bildoj kaj tekstetoj pri Finnlando. La bela libreto havas interesajn informojn pri Finnlando. Ĉu vi ekzemple scias kiom da saŭnoj estas en Finnlando?

Poŝtkartoj: unuope: 2 eŭroj; Serio de 6 kartoj: 10 eŭroj

Poŝtmarko: 1,50 eŭroj

Eta libro pri Finnlando: 6 eŭroj

## Dankon!

Dankon al ĉiuj, kiuj kontribuis al la kongresa kuriero per siaj materialoj. Ne ĉio povis aperi, sed ni esperas, ke vi trovis ion interesan por legi.

La Redakcio.

Julkaisija: Suomen Esperantoliitto ry.